# FRANCA ESPERANTISTO

## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris Xᵉ - C.C.P. 855-35 Paris**

Secrétariat :

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

Rédaction :

**M. Jean THIERRY**, U.F.E., 34, rue de Chabrol, PARIS Xᵉ. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus**, qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

**I. — Cotisation nationale à l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO (U.F.E.)**

Par ses statuts, l'U.F.E. est une union de sociétés déclarées et ne doit recevoir en principe de cotisations que de celles-ci. Toutefois, lorsqu'un Centre Culturel ou une Fédération n'existe pas encore dans une région, l'U.F.E. accepte de recevoir les cotisations annuelles de membres isolés sur les bases suivantes :

| | | |
|---|---|---|
| **MEMBRE BIENFAITEUR** .... | **50 F.** | Ces membres reçoivent la revue « FRANCA ESPERANTISTO » et le « Bulletin d'Information » |
| « **DONATEUR** ...... | **30 F.** | |
| « **TITULAIRE** ...... | **20 F.** | |
| « **JUNIOR** (**) (18 à 21 ans) .... | **8 F.** | |
| **MEMBRE ADHÉRENT** ...... | **5 F.** | Ces membres ne reçoivent que les bulletins d'informations en français |
| « **ÉTUDIANT et JEUNE** ........ | **2 F.** | |

Tous les membres reçoivent la carte de l'Association Espérantiste Universelle indiquant leur appartenance à l'U.F.E. et à telle Fédération ou Société, ainsi qu'une vignette annuelle à coller.

**Abonnement seul à la revue « FRANCA ESPERANTISTO » : France : 20 F.**
**Etranger : 25 F.**

**II. — Supplément pour UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.)**

| | | | |
|---|---|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (MJ) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. ... | **14 F.** | **MEMBRO ABONANTO** (MA) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. et « Esperanto » .... | **28 F.** |
| Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans .............. | **7 F.** | Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans .............. | **14 F.** |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** .......... | **21 F.** | **MEMBRO SUBTENANTO** .. | **42 F.** |

(*) Les cotisations des jeunes jusqu'à 21 ans sont réduites de moitié.
(**) Les jeunes sont priés d'indiquer leur date de naissance.

# Donacoj

| | |
|---|---|
| S-ro THOLLET ........................ | 1,00 |
| Anonimulino (Les Andelys) ........ | 100,00 |
| S-ro LLECH-WALTER ................ | 1.868,00 |
| S-ro BAZIRE ........................ | 2,00 |
| S-ro DIGUET ........................ | 1,35 |
| S-ino LEGRAIN (biblioteko) ........ | 10,00 |
| Anonimulino (Asnières) ............ | 7,00 |
| F-ino ROMAND ........................ | 5,00 |
| S-ro VERNAY ........................ | 2,00 |
| S-ro ANGEVIN ........................ | 2,30 |
| F-ino LOUYS ........................ | 3,60 |
| S-ino VINCENT ........................ | 2,05 |
| S-ino VINCENT ........................ | 2,65 |

**SUBTENANTAJ MEMBROJ**

S-ino CAPELLE DE MENOU, S-ro Roger BERNARD, S-ro GAUME, S-ro DABEZIES, F-INO HANSEN.

**SUR NIA KOVRILO : unu el la realigajoj de 1964, la filmo « ANGOROJ » la 7-an de decembro estis prezentita de la grupo en Angers antaŭ cento da ĉeestantoj.**

# Enhavo



Tiu ĉi numero entenas :
**Bulletin Trimestriel d'Informations Mondiales** (supplément)

# Ĉu ni estas realistoj ?

Idealo estas grandvalora : ja ĝi ĉiam estas la motoro, kiu antaŭenigas novan impulson tra la mondo. Sed, ekde kiam ĝi sukcesis enradikiĝi ĝi devas lasi lokon al konkretaj realigoj, ĉar bedaŭrinde ne multas idealistoj kaj sekve la tuto riskas resti **enfermita** en tre malvasta rondo, se ĝi ne povas interesi la ceteron de la homaro.

Ĉu aktuala nun tia demando ? Ja, ĉu ni sufiĉe realisme prezentas kaj uzas la lingvon ?

Kiomfoje okaze de informa kunveno oni aŭdas paroladi pri idealismo, frateco, interna ideo, paco... ktp ! Kaj apenaŭ kelkaj vortoj pritraktas la lingvon en si mem (historio, kultura valoro) krom gramatikaj nocioj. Kio tro ofte donas al la scivola aŭdantaro la falsan impreson, ke la lingvo apartenas nur al membroj de aparta societo, kaj koncernas kvazaŭ iniciotojn al mistika ideologio. El tio fontas antaŭjuĝoj : « He ! Jen vi, esperantisto ! Ankaŭ vin trafis la graco... ! »

Hodiaŭ interesito pri Esperanto estas antaŭ ĉio scivolema pri la lingvo mem. Li volas ja aŭdi, kiel ĝi sonoras ; li volas ja legi, kiel oni skribas ĝin ; li deziras ja ekscii, kian praktikan utilon aŭ almenaŭ kulturan profiton ĝi jam povas tuj doni al li. Tio ĉi estas fakto. De la cetero liaj oreloj estas plene rebatitaj en la denaska lingvo !

Tial nenio pli malbone efikas ol malbone parolata aŭ skribita Esperanto ; tial la plej simpla maniero kontribui al la lingvo-disvastigo restas ellerni kaj instrui la lingvon por uzadi ĝin kiel eble plej flue kaj korekte en ĉiuj bezonoj de la ĉiutaga vivo, de kiam oni troviĝas en esperantista societo.

J. T

---

mian subtenon al senutilaj gazetoj, dum mi estus preta helpi vere valoran organon !

(En la nunaj cirkonstancoj « La Praktiko » estas la gazeto, kiun oni povas rekomendi al novbakitaj esperantistoj : ĝi estas facile legebla, bele ilustrita, korekte presita, senerara, kaj povas instigi ilin resti fidelaj samideanoj ; kial ni ne povus fieri pri tiel alloga nacia revuo ?).

F. CHARLET (25-7-64).

*N. de la R.* — Kial ? Efektive ! Jam de 1958 ni vane faradas similajn proponojn, kiuj senĉese trafas dezerton... eĉ ne vekis unu kontraŭproponon ! Kaj tamen ni estas pretaj konsideri ĉian eblan arangon. Sed... ĉu ni estas realistoj ?

# La leganto havas parolvicon...

En la — kiel kutime — interesa artikolo de s-ro Lapenna en *« Esperanto »* de julio, mi rimarkis speciale la parton pri *« la esperanta gazetaro »* p. 123.

Mi tute ne opinias, ke la plimultigo de niaj revuoj estas bona afero en la nuna modesta stato de nia movado. Estus pli bone, se ni havus nur la duonon de la nuna nombro da revuoj, kaj se ĉi tiuj havus sekuran vivon pro sufiĉa abonantaro ; tio ĉi ankaŭ ebligus liveri valorajn kajerojn, pli ampleksajn, zorge korektitajn, bele prezentitajn...

Ni disponas multajn revuojn, kiuj nur pene vivaĉas, kaj kiujn ni ne rajtas fiere montri pro la maldikeco, la malbeleco, la multaj eraroj, la seninteresa enhavo. Cetere ni tre ofte trovas en ĉiuj la samajn ĝeneralajn informojn ; mi opinias, ke tia situacio estas kontraŭpropaganda...

Sendube oni retrovas ĉi tie la saman problemon, kiu tiel ofte naskas disputojn en nia « paca » movado : la interesitaj personoj pensas pri si mem, pri sia famo, kaj ne konsentus forlasi nevivipovan *« infangazeton »*.

Ni scias, ke *« F. E. »* ne tro facile vivadas kaj estas apenaŭ inda je franca nacia asocio ; *« E. et Culture »* malgraŭ ĉiuj klopodoj estas mortanta ; kial oni kreis *« Kulturaj Kajeroj »*-n, kiu enhavas malmultajn interesaĵojn kaj oftajn preserarojn ?...

Kial la Francaj Esperantaj Gazetistoj (tio estas nur ekzemplo) ne havas la kuraĝon kaj bonvolemon kunfandi tiujn revuetojn en unu solan bonan F.E., kiu alportus ĉiujn novaĵojn, interesajn artikolojn, kaj en kiun oni povus se necese enmeti 2 aŭ 4 aŭ 8-paĝan specialan kajeron pri fakaj aferoj : edukistoj, Esperanto-domo, franclingva propagando, filatelistoj, ktp?

La sama ĉefa kajero, la sama bela kovrilo taŭgus por ĉiuj fakoj, kaj ĉiu abonanto ricevus ĉiujn necesajn informojn (kiujn li legas du — aŭ trifoje nun) kaj ankaŭ interesan kulturan materialon (kiun li nun ĉerpas el du aŭ tri revuetoj !)

Mi estas certa, ke tia agado havus en nia movado tre favoran influon, kaj mi pensas, ke, se niaj gvidantoj celus nur la progreson kaj sukceson de nia afero, ili devus trovi la rimedojn venki la malfacilaĵojn kaj efektivigi tiun necesan regrupigon !

Ve ! pro multaj ekzemploj de malakordo, de ofendiĝemo, de malgrandanimeco mi ne kuraĝas esperi tion, kaj mi ne estas optimista... Mi nur povas ĉesigi

# Kunsido de U.F.E. - Konsilio en la Kultura Domo

## *la 5-an de septembro 1964*

**Ĉeestas** s-ro René Llech-Walter, prezidanto, s-roj R. Bernard, D. Chagnoux, R. Blanc, J. Guillaume, J. Mahé, H. Micard, J. Rousseau, J. Thierry kaj s-ino J. Vincent

**Senkulpiĝis** s-ino M.-L. Bodard, f-ino Ch. Garrigue, s-roj A. Bourdeaux, J. Chapellier, F. Garrigue kaj G. Rougetet.

S-ro Llech-Walter unue proponas, ke oni tuj pritraktu la lastan punkton de la tagordo, la proponon de prof. Fréchet (vizito kun d-ro Lapenna kaj nia prezidanto al la Franca Kleriga Ministro).

Partoprenas la debaton du profesoroj s-ro Jellenc (Châtellerault) kaj s-ro Martin (Rennes). S-ro Llech-Walter legas la leteron de prof. Fréchet kaj la raporton de prof. Duc-Goninaz. Oni diskutas pri la oportuneco de la vizito al la ministro. S-ro Blanc konsentas pri la raporto de prof. Duc Goninaz kaj atentigas pri la neekzisto de t.n. **« activités dirigées »** en C.E.G. Prof. Martin rimarkigas la rilatojn kun Unesko, deziras, ke oni memorigu la rezultaton de Montevideo kaj ke oni montru la librojn eldonitajn de Unesko. Por helpi al lernado li sugestas kreadon de studrondoj el instruistoj kaj lernantoj, kiuj kune lernas. S ro Thierry atentigas pri necesa singardo rilate Uneskon, kie okazis dum la du pasintaj jaroj multaj ŝanĝiĝoj. Oni konklude decidas, ke nur prof. Fréchet kaj s-ro Llech-Walter vizitos la ministron kun la sola celo peti renovigon de la **cirkulero de 1938.**

### REZULTOJ DE LA JARO

a) **Kultura Semajno.** — Raportas s-ro Blanc pri tiu de 1964, kiu estas la plej sukcesa ĝis nun. Por 1965 ges-roj Turin principe akceptis la pedagogian gvidadon de la semajno.

b) **Nacia kongreso.** — Ĝi bone sukcesis krom neatenditaĵo pri la ekskurso sur la « Seine ». Per kunveno de ĵurnalistoj s-ro Bourdeaux trafis bonan rezulton : la gazetoj kaj la radio-stacioj favore raportis.

c) **Universala kongreso.** — Raportas kvin partoprenintoj.

ĉ) **Gazetaro.** — Raportis la gazeto « Figaro » pri la kongreso en Hago kaj la elekto de prof. Lapenna kiel prezidanto de U.E.A. S-ro Bernard legas raporton de s-ro Bourdeaux pri la gazetara servo. La prezidanto proponas, ke oni gratulu lin.

d) **Junulkluboj.** — Ni legas raporton de s-ro Simonnet, kiu faras diversajn proponojn. Ni studos ilin.

### FINANCOJ

a) **Bilanco.** — Raportas s-ro Rousseau, kaj s-ro Llech-Walter montras niajn kutimajn malfacilaĵojn, kiuj estas solvataj dank'al la vendo de libroj. S-ro Guillaume proponas sendon de diversaj cirkuleroj al la grupoj.

b) **Kultursemajno.** — Ne estos deficito, se la promesita subvencio venos.

c) **Nacia kongreso.** — La rezulto estos profitdona, sed pro kelkaj malfacilaĵoj s-ro Rousseau ankoraŭ ne povis fari definitivan bilancon.

ĉ) **Filmo J.-L. Mahé.** — S-ro Mahé mem kontraŭas la principon de filmo-luado, ĉar li timas difektojn de ne-spertulo. En cirkulero al la plej gravaj grupoj ni prezentos proponojn de luado je la prezo de maksimume 100 Fr. + la sendkostoj.

d) **Federaciaj kotizoj.** — Ni legas la proponon de s-ro Rougetet, kaj s-ro Thierry aludas pri la problemo de la fak-asocioj. Nune oni studas akordiĝon kun la fervojista asocio.

### AGNOSKO DE PUBLIKA UTILECO

La propono de s-ro Rougetet estas principe akceptita, kaj s-ro Rousseau pristudos la financan flankon de la afero.

### ESTONTAJ PLANOJ

a) **Kultura semajno.** — La 4-a semajno estos gvidita de ges-roj Turin. Prof. Jellenc kaj Martin akceptis prelegi. Estas decidite havi malpli da prelegoj, sed pli gravan partoprenon de la gejunuloj. La semajno okazos de la 9-a ĝis la 17-a de aprilo 1965.

b) **Tokio.** — S-ro Llech-Walter ricevis proponon de AIR-FRANCE. Ni studas la eblecon de karavano.

c) **Nacia Kongreso 1965.** — La urbo Beaune rezignis. Ni kontaktos Le Mans kaj eventuale Rouen.

ĉ) **Vintraj kursoj.** — S-ro Blanc proponas sendon de cirkuleroj kaj de la lasta « Informations Espérantistes » al la inspektoroj, direktoroj de gimnazioj kaj unuagradaj inspektoroj. Plie, alvokon al ĉiuj esperanto-instruantoj por malfermo de kursoj kun instigo peti kotizojn de ĉiuj lernantoj.

d) **Petskribo de U.E.A.** — Ni baldaŭ ricevos kaj dissendos la tekstojn en franca lingvo.

e) **Eksterlanda preleganto.** — Ni enketos ĉe la plej gravaj grupoj pri la oportuneco inviti eksterlandan preleganton.

f) **Konsiloj al la grupoj.** — S-ro Llech-Walter eldonos je propraj kostoj la broŝuron sendotan al la grupoj.

g) **Intergrupa konkurso.** — Jam kelkaj grupoj plenigis la demandaron. Ni sondos ilin pri la daŭrigo de tia konkurso.

h) **Perkoresponda kurso.** — Ni uzos estontece la kurson de la Kulturdomo. La prezo restos sen ŝanĝo.

i) **Planoj por F.E.** — Ni antaŭvidas minimume 4 presitajn numerojn kun « Informations Mondiales » kaj 3 ofsetajn.

j) **Loterio 1965.** — S-ro Rousseau preparos ĝin, la premioj estos 3 unusemajnaj restadoj en Grésillon kaj libroj.

**Diversaĵoj.** — S-ro Micard memorigas, ke s-ro Bourdeaux konsentis pristudi la organizon de restado en Parizo por eksterlandanoj, kiuj iras en Grésillon.

S-ro Guillaume raportas pri la situacio de s-ino Haudebine, kiu ricevos helpon de U.E.A.

**Ekster la tagordo.** — S-ro Gouget prezentas projekton pri modifo de la statuto. Li dezirus pli interesi la membrojn al la administrado de la asocio. La konsilianoj konsentas pri la ideala principo sed konsidere la membro-partoprenon en la naciaj jarkunvenoj atentigas lin pri la malfaciloj de la realigo.

La protokolintino : J. VINCENT.

## La dua stelo-semajno en Funka

(Ne en **Ciechocinek,** kiel anoncite, sed iom pli norde en la sama provinco) kunvenigis gestudentojn el 7 landoj (kvin venis el Francujo) borde de bela nordpollanda lago. Neeblas raporti kelkvorte : multe da amuzo, multe da laboro.

Ni menciu paroladojn kaj debatojn pri **Problemoj de la junulara Esperanto-movado** kaj **Reguloj de informado** (M. Pietrzak), **Iniciatoj de P.E.J.** kaj **Kampanjo Esperanto-Afriko** (B. Wodarski), **Internacia Studenta Scienca Kampanjo** (A. Grzebowski)...

La ĉefkunveno de STELO elektis novan estraron (prez. A. Grezebowski, sekr. kasisto F. Simonnet, 16, rue Dohis, Vincennes, Seine, pĉk. 18403 — 71 Paris), lasis senŝanĝa la kotizon (13 steloj — 4,55 Fr.j), decidis pli intiman kunlaboradon kun TEJO...

Jam oni povas aliĝi al la Tria STELO-Semajno, kiu okazos en **Balatonalmadi** (Hungarujo) dum julio 1965-a post la Eŭropa Esperanto-Konferenco en Vieno.

### AMSTERDAMO AKCEPTIS LA ESPERANTISTAN JUNULARON.

De la 8-a ĝis la 15-a de aŭgusto okazis en Amsterdamo la **20-a Internacia Junulara Kongreso** de T.E.J.O. Al ĉi tiu jubilea kongreso partoprenis 170 gejunuloj el 25 landoj : post la oficiala inaŭguro, kiun ĉeestis la Rektoro de la Amsterdama Universitato kaj ankaŭ reprezentantoj de naciaj kaj internaciaj junularaj organizaĵoj, briligis la vesperon la **Internacia Arta Teatro** ludante verkojn de Ionesco, Ĉeĥov, Pirandello, kaj Matkoviĉ. Cetere la tuta kongresprogramo estis tre interesa : vizito de la Rembrandt-Muzeo, vizito de Amsterdamo vespere laŭ la kanaloj, vizito de Hilversumo kaj de la radio-stacio AVRO, prelego en la Anne-Frank-Domo de S-ro Slotemaker de Bruine pri la temo « **milito ĉu solvilo de internaciaj problemoj** » — arda diskuto. — Oratora konkurso, kies unuan premion gajnis nia samlandano S-ro Fr. Simmonet. Studenta esperanto-Kabareto el Zagreb. Vizito de la Bierfarejo Amstel, Renkonto kun la amsterdama junularo, dum muzikis kongresa trupo alterne kun nederlanda kvaropo. Orgenkoncerto en la preĝejo de Broek in Waterland. Prezentado de esperantaj filmoj. Diskutado pri Afriko laŭ iniciato de la « Centro de Esploroj pri Afriko » ; partoprenis la diskuton samideanoj el Mali kaj Togo. Komuna vespera festo okazis en la — cetere ĉarma — vilaĝo Broek, kun piedpilka ludo inter kongresa teamo kaj Broek-a teamo : bedaŭre ni malvenkis per 2 kontraŭ 6 poentoj ; poste okazis frislandaj kaj internaciaj dancoj. Vizito ankaŭ de la antikva kastelo de Muiden. Kaj sabate okazis la oficiala fermo. Post unu jaro ni denove renkontiĝos en Kyoto, Japanujo La plej gravaj rezultoj de la estraraj kaj komitataj diskutoj estas : elekto de la nova estraro de TEJO, S-ro G. Becker, elektita kiel ĝenerala sekretario de UEA, estis prezidanto DE TEJO de 8 jaroj ; lin anstataŭas S-ro Ivo Osibov (Jug.) vic-prezidantoj estas : S. Simeonov kaj H. Tonkin, ĝen. sekr. estas C. Minnaja, U. Lins iĝas kasisto, kaj membroj estas S-roj S. Zlatnar Y. Umeda, kaj M. Pietrzak. Oni decidis helpi U.E.A. okaze de « la Jaro pri internacia kunlaboro » ; kaj oni instalis komisionojn por divastigo de :

— kontaktoj kun ne-esperantistaj junularaj organizajoj (NEO),

— esploro de la lingva problemo en Afriko,

— evoluigo de la internaciaj kontaktoj inter la lernejoj, en kiuj esperanto estas instruata.

Koncerne la francan movadon laŭ instigo de S-ro Fr. Simmonet oni decidis restarigi la faleman Junularan Esperantistan Francan Organizon ; tre esperigaj diskutoj okazis inter la francaj kongressanoj, kaj ŝajne — espereble — baldaŭ la franca esperantista junularo estos tiel vigla kiel en ceteraj landoj.

## « Bonvolu faciligi nian taskon ! »

**U.E.A. — Delegito de Tokio petas rilate al la 50-a Universala Kongreso de Esperanto...**

**Kiel delegito de Tokio mi ĝis nun jam ricevis multe da leteroj petantaj informojn pri diversaj aferoj, kiuj rekte aŭ nerekte koncernas al la 50-a U.K. okazigota en Tokio en la jaro 1965-a.**

**Kvankam laŭ japana tradicio mi estas ĉiam preta por plenumi petojn senditajn el eskterlandoj, mi timas, ke mi, estante ankaŭ ano de Loka Kongresa Komitato por la U.K. en Tokio, ne povos disponi tre libere pri mia tempo. Do, mi nun turnas min al ĉiuj alilandaj esperantistoj kun la peto, ke ili rimarku bone jenajn facilaĵojn :**

**Ĉiuj aliĝintoj al la U.K. de Tokio aŭ ĉiuj, kiuj volas iam en estonteco vojaĝi en Japanujo povos ricevi senpage la mapon de Tokio, kaj aliajn belajn presaĵojn, se ili skribe petos al S-ro Masaŝi Nakamura, Sekcio de Eksteraj Aferoj (Gaiji-ko), Urbestrejo (Toĉho) de Tokio, 3-1 Marunouĉhi, Tokio.**

**Ili povas adresi kun sama peto al S-ro T. Hisada, fakdirektoro de Internaciaj aferoj de Japana Turisma Asocio, Kokusai - Kankô - Kaikan, Marunouĉhi, Tokio.**

**Kompreneble al gravaj demandoj mi nepre respondos laŭ mia ebleco.**

**T. Niŝiumi, delegito de U.E.A. de Tokio,**
**6-443 Koiwa, Edogawa-ku, Tokio.**

# FRANCA KRONIKO

## FEDERACIO DE CENTRA MONTARO

Kiel pasintjare, tre interesa agado en la du departementoj « Cher » kaj « Nièvre ».

**I. — Esperanto-instruado en lernejoj.** — Entute 10 kursoj, 150 gelernantoj.

BOURGES (S.N. Institutrices) 2 kursoj : komenca por la tuta 1-a klaso gvidata de f-ino Guyon (15 lernantinoj), konversacio gvidata de s-ro Blanc (16 lernantinoj).

NEVERS (E.N. de la Nièvre) 3 kursoj, entute 42 gelernantoj : komenca gvidata de s-roj Bourgoin kaj Dudragne, daŭriga de f-ino Bargeot kaj supera de f-ino Blanc.

COSNE (C.E.G. filles) 2 kursoj gvidaaj de s-ino Chaumereuil, 30 lernantinoj.

NEVERS (C.E.G. filles) 1 daŭriga kurso de f-ino Joannet, 6 lernantinoj.

SANCOINS (C.E.G. filles) 2 kursoj : komenca vidata de f-ino Antoine (31 lernantinoj) kaj supera gvidata de s-ro Blanc (13 lernantinoj).

**II. — Esperanto-ekzamenoj.** — 4 en 1964 sub kontrolo de la jena ekzamenantaro : s-roj Chagnoux (Moulins), Blanc (Sancoins), f-ino Dumarçay (Bourges) kaj s-ro Gitton (Vierzon).

BOURGES (E.N.) 27/5 A. pri lernado : 14 knabinoj sukcesas ; honorvino kun ĉeesto de s-inoj Direktorino kaj Intendantino — esp-libreto donacita al ĉiu laŭreatino.

NEVERS (E.N.) 6/2 A. pri lernado : 11 gejunuloj sukcesas ; A. pri supera lernado : 10 gejunuloj ; 11/6 A. pri lernado : 15 gejunuloj. Entute 36 laŭreatinoj : esp. libreto donacita al ĉiu.

SANCOINS 28/6 A. pri kapableco : 3 junaj kandidatoj geinstruistoj el « Cher » kaj « Nièvre ».

**III. — Informa kaj kultura agado.** — 12 kulturaj vesperoj kun lumbildoj kaj magneta bendo (muziko kaj dulingvaj komentoj). Temo : Bulgarujo. Entute 2.100 spektantoj. Laŭ kronologio Sancoins (260 spektantoj), Nevers (200), Bourges (100), Foécie (600), Sancoins (150), St-Amand (100), Nevers (200), Clermont-Ferrand (60), Baugé (3 prezentoj, 220), St-Amand (200).
Ĉeesto de akademiaj kaj distriktaj inspektoroj, lernejestroj, urbestroj kaj instruistoj...

**Vivo de lernejaj kluboj :** ne nur kursoj kaj internacia korespondado sed ankaŭ laŭdinda funkciado de esp. horgrupoj en E.N. Bourges (f-ino Guyon), E.N. Nevers (s-ro de St-Rapt), C.E.G. Sancoins (s-ro Blanc).

**Oficiala helpo.** — S-ro Fayet, akademia inspektoro en Bourges, sendis al ĉiu lernejo de la departemento « Cher » cirkuleron pri la programo de 1964 en « Grésillon ».

**Raportado en la gazetoj.** — 47 ĵurnalaj artikoloj ĝenerale kun foto aperis en « Berry Républicain » kaj « Nouvelle République » (Cher), « Journal du Centre » (Nièvre) pri la diversaj esp. faktoj. Persista kaj tre efika agado de s-ro Tournecuillert (Nevers) ĉe « Journal du Centre ».

**IV. — Rezultoj.** — 32 el la gelernantoj de E.N. Bourges kaj Nevers al la 3 Kulturaj Semajnoj de U.F.E. en « Grésillon » ; 14 al la someraj periodoj ; 3 el E.N. Nevers al la Internaciaj Kongresoj en Vraca kaj Sofia ; 5 jam instruas la lingvon al gejunuloj. Somere 1964, tuta grupo el ambaŭ E.N. iris al la Kongresoj en Amsterdam kaj Hago ; 2 lernantinoj iris al Pollando ĉe esp. familiojn.

**V. — Novaj perspektivoj.** — En la Junulara Domo en Bourges s-ino Robert malfermis esp. kurson por gejunuloj. En C.E.G. Nérondes (Cher) s-ro Dessagnes inaŭguris kurson en oktobro por siaj propraj gelernantoj.

**VI. — Konkludo.** — Nun la publiko en ambaŭ departementoj estas bone informita pri Esperanto. La lingvo ĝuas favoran konsideron pro la multaj faktoj ĉiam anoncataj aŭ raportataj per la gazetoj. Eĉ ĉe la gejunuloj la kursoj estas nur parto de la laboro. Akrigas la intereson kaj la entuziasmon ĉiaj apudaj aranĝoj : kulturaj vesperoj, kunlaboro kun neesperantistaj klerigaj asocioj, preparado de artaj programoj, komunaj renkontiĝoj inter gelernantoj... Gravas ankaŭ la perfektaj helpemo kaj harmonio inter la diversaj agantoj kaj instruantoj de la sama regiono.

**MONTLUÇON - 10-5-64.** — Kongreso de Centra Montaro. En la kongresa salono riĉa programo. 220 kongresanoj el la 4 departementoj : Allier, Cher, Nièvre, Puy-de-Dôme. Ĉiuj grupoj reprezentitaj. Ĉeesto de 130 gejunuloj el duagradaj lernejoj : Bourges, Cosne, Nevers, Sancoins, Thiers kun lernejestroj kaj instruistoj. Teknikaj aranĝoj faritaj de s-roj Renon, federacia sekretario kaj Groussaud (P. et T., Montluçon).

Prezidas s-ro Chagnoux, kiu pro nebona farto anoncas sian rezignon je federacia prezidanteco. Anstataŭos lin s-ro Blanc. Unuanime la kongresanaro nomas s-ron Chagnoux honora prezidanto kaj laŭdas lian multjaran senlacan sindonon. Delegito el ĉiu grupo raportas pri la tutjara agado. En la tuta federacia teritorio la lingvo progresas. Ne nur en « Cher », « Nièvre », sed ankaŭ en « Puy-de-Dôme » (Clermont-Ferrand kaj Thiers), publikaj kaj lernejaj kursoj bone funkcias kun f-ino Hueter, s-roj Bracquemont, Dessapt, Faure, Limoge, Mayet, Michel, Pintado. S-ro Chagnoux (Moulins) daŭre gvidas perkorespondan kurson kaj efike agadas en Rotaria medio.

Posttagmeze en la urba teatro prezento de valora Varietea Programo en esperanto. Speciale al ĝi venis ankaŭ gepatroj kaj simpatiantoj. Tre bone aktoras, deklamas, kantas, muzikas, dancas niaj gejunuloj el Bourges, Nevers, Sancoins, Thiers. Presita programo disvendita. Ĉiu programero ĉarme anoncita de f-ino Leclerc kaj s-ro Dudragne. Ĉuo por ĉiuj sed ĉefe por la gejunuloj, kiuj — ni ne neglektu tion — ĉiam ŝatas iniciati kaj ludi aktivan rolon.

## NORDA FEDERACIO

**AMIENS.** — Post restado en Baugé S-ro Aarne Aira, el Turku (Finnlando), unuafoje vizitis Nordan Francujon. Li diskutis i.a. kun geamikoj en Lille, Tourcoing kaj Nederlando.

**ARRAS.** — S-ro Sipke Struit tradukis 9 el la 20 noveloj, kiuj aperis en la libro « Frisaj Rakontoj en Esperanto ». Gratulon.

**CALAIS.** — S-ro D. Kocvara, el Ostrava, vizitis Nordan Francujon por prepari prelegojn ĉe kulturaj asocioj de Ĉekoslovakujo.

**CAUDRY.** — Akcepto ĉe la urbodomo, laborkunsido kaj vizito de punt-fabriko kunigis diverslandajn geesperan-

tistojn dimanĉe la 4-an de oktobro. Informejo : Esperanto, 3, rue de Saint-Quentin, Caudry (Nord).

**LENS.** — Ekspozicio okazis en Méricourt S./Lens dank'al iniciato de gesroj Van Parys.

**LILLE.** — La jarlibroj Ravet-Anceau aperigis informojn pri E-kluboj kaj delegitoj. Esperanto-tago okazos dum la internacia foiro (24a de aprilo-9a de majo 1965).

**ROUBAIX-TOURCOING.** — La literatura gazeto « Elan » dediĉis tutan paĝon al esperanto, poezio kaj paco. Unuopaj ekzempleroj (N-ro 27a) haveblaj ĉe la eldonejo (1,50 fr.). — S-ro L. Lippens, Linselles (Nord).

Artikoloj pri la universala kongreso aperis **ĉiutage** en tri gazetoj.

La klubo regule partoprenas la kunvenojn de la komitato por internaciaj interŝanĝoj kaj tiujn de la junulara sekretariejo

**VALENCIENNES.** — Lige kun la ĝemeliĝo de la koncernaj urboj la klubo de Valenciennes gastigis la grupon de Düren (Germanujo).

**WATTRELOS.** — La delegito vizitis en Berlino (Germanujo) la **675an** kunvenon de la klubo Kompreno.

**« LA MONDO POSTULAS PACON ».** — Internacia ekspozicio kun esperanto-fako okazis en Antverpeno (Belgujo) de la 17 ĝis la 26a de oktobro. **Loko** : urba festsalonego, Meir 78, Antverpeno. L. G.

## NORMANDA REGIONO

**LES ANDELYS.** — 4 gelernantoj de la Esperanto-kursoj restadis en Grésillon de la 3-a ĝis la 12-a de septembro dank'al la malavareco de la Zamenhof-centro pri kulturo kaj internacia amikeco, kiu pagis por ili la tutan elspezon (vojaĝo+restado). Krom la ĉiutaga Esperanto-instruado, ili povis promeni, ludi, sin bani aŭ fiŝkapti laŭplaĉe kaj revenis tute entuziasmigitaj.

S-ino Vincent partoprenis la U.K. en Hago kaj prezentos ties lumbildojn okaze de la Zamenhof-tago, dimanĉo, **13-a de decembro,** je la 15-a horo. Bonvolu de nun rezervi tiun tagon por ekskursi ĝis Les Andelys.

**PRI OFTE AUDATA FRAZO.** — Dum la lasta kongreso nacia en Parizo mi plurfoje aŭdis la klasikan frazon : « Senkulpigu min, mi pli malpli bone legas, sed mi ne havas okazojn paroli... » ofte dirata en la franca lingvo.

Nu, se vi volas, ke nia afero prosperu, kaj certe vi tion deziras, unu el la ĉefaj faktoroj estas mem bone paroli. Jen simpla rimedo por kutimiĝi al parolado :

Ĉiufoje kiam vi havas iom da libera tempo, interne parolu al vi en esperanto. Ekzemple, matene, dum kelkaj minutoj antaŭ ol ellitiĝi, ni kutime pripensas pri diversaj aferoj farotaj tuj aŭ dum la tago. Do, vi pripensu tion en esperanto : « kioma estas la horo ? Ha, jam estas kvarono antaŭ la sepa ! Sed hodiaŭ ellitiĝi nur je la sepa ; estas ĵaŭdo kaj la infanoj ne iras al la lernejo ! Kion ni manĝos tagmeze ? Ĉu restas al mi sufiĉe da terpomoj ? Mi kredas, ke ne. Mi ne forgesu aĉeti kvin kilogramojn da ili... ktp... ktp...

Kompreneble, se vi ankoraŭ ne estas lerta esperantisto, tiuj frazoj estos iom kriplaj, kaj mankos al vi multaj vortoj. Sed ne kompleksiĝu pri tio, ĉar fakte, vi ekzercas vin ! Nur havu sub la mano bonan vortaron, bonan kurson, kaj kajereton. Vi rapide notu sur la kajereton, franclingve, la vortojn, kiuj mankis, aŭ la gramatikajn parolturnojn, pri kiuj ni dubas. Dum la tago, aŭ vespero, trovu dudek minutojn por serĉi la nekonatajn esprimojn, aŭ relegi la gramatikajn regulojn, kaj notu la rezulton apud la matenaj francaj demandoj.

Se vi faras tion sufiĉe ofte, kaj per ĉiam pli komplikaj frazoj, mi ne dubas, ke, kiam vi denove renkontos samideanojn, vi miros pro la facileco, per kiu vi alparolos ilin !

(el Normanda Esperanto-Bulteno, n° 74).

## FEDERACIO « LANGUEDOC-ROUSSILLON »

**MONTPELIERA GRUPO.** — Post agrabla jar-fino kaj ripozaj libertempoj la Montpeliera grupo kuraĝe kaj vigle komencas novan laboran jaron.

Kial agrabla jarfino ? Ĉar de la 8-a ĝis la 17-a de julio ni gastigis junan kaj novan samideanon el Hindujo : Aŝvini Kumar. Ĉe la oratora kunkurso dum la Universala Kongreso de Hago Aŝvini Kumar gajnis la unuan premion : do tre kompetenta kaj eminenta gasto !

Dum septembro ni invitis junan nederlandan samideanon sed, bedaŭrinde, lastamomente li skribis, ke li ne povos veni.

La 7-an de septembro okazis nia unua kunveno, kaj kun plezuro ni « retrovis » nin.

La 5-an de oktobro, S-ro Lentaigne parolis pri la Kongreso de SAT kiu okazis en Narbonne, kaj ni ludis esperante.

Nun ni preparas propagandon por publika kurso.

La sekvanta kunveno okazis la 9-an de novembro. La programo estis tre alloga !

Yvette VIERNE.

**« SPERTO DE L'MONDO PER ESPERANTO ».** — Merkredon, la 7-an de oktobro je la 9-a vespere, okazis, ĉe Metia ĉambro de Perpignan konferenco pri « Sperto de l'Mondo per Esperanto ».

Ĉe la enirejo, advokato Abecassi ; S-ro Nasarre, instruisto kaj S-ro Serre, komercisto, akceptis la publikon.

Belaj esperantistaj libroj, el kiuj « La Dia Komedio » kaj angla, ĉina, kataluna antologioj estis ekspoziciitaj, kaj ĉiuj personoj ricevis dokumentojn.

La Prezidanto, Llech-Walter, ĉe la nigra tabulo, klarigis la gramatikajn regulojn de la Lingvo Internacia, kaj, forte interesis la publikon.

2 junaj lernantinoj : F-ino Sabine Diaz (9-jara) kaj F-ino Marie-Hélène Carreno (8-jara) deklamis en esperanto.

Kaj fine, la « Gajaj Trobadoroj » ludis kaj kantis tre agrable.

Dankon al ĉiuj por tiu sukcesa vespero.

●

**« MALFERMO DE LA ESPERANTISTAJ KURSOJ EN LA ĈEFURBO DE ROUSSILLON ».** — En Perpignan la publika kurso por la plenpreskuloj refunkciis, ĉe lernejo Racine, la 14-an de oktobro.

Ĉi-jare, oni malfermis eksperimentan kurson por la knabinoj, kies aĝo oscilas inter 10 kaj 12 jaroj. S-ro Roger Nasarre, instruisto, kaj, freŝbakita esperantisto, akceptis la pedagogian gvidadon.

Kaj, kiel kutime, S-ro Llech-Walter rekomencis sian ĵaŭdan kurson ĉe liceo Arago, kies 20 studentoj sekvas la esperantan kurson.

Lernantinoj de la Seminario partoprenas ankaŭ la kursojn.

René LLECH-WALTER.

## PARIZA FEDERACIO

Hyères. — Sekve al parolado de prof. Jullien, s-ro Sallès malfermis kurson kun naŭ lernantoj.

## NACIA CENTRO

La ĉefsekretario memorigas, ke oni povas akiri por 6 Fr. 50 unu bronzan moneron de unu stelo, unu bronzan moneron de kvin steloj kaj unu arĝentan moneron de dek steloj, (afrankite).

---

# PROTOKOLO DE LA 5-a de DECEMBRO 1964

**(teksto publikigita laŭ unuanima decido de la Konsilio)**

Parizo, la 5-an de decembro 1964.

S-ro G. Gouget vizitis la sidejon de Unuiĝo Franca por Esperanto kaj estis akceptita de f-ino Y. Paulier, la sekretariino, kaj s-ro R. Llech-Walter, prezidanto de la Unuiĝo.

S-ro G. Gouget povis konsulti ĉiujn librojn kaj kont-eltirojn de la Unuiĝo, kaj ricevis de la sekretariino kaj prezidanto ĉiujn dezireblajn informojn.

La interkonsiliĝo aperigis la neceson ŝanĝi la nunan sistemon, ne oportunan kaj ne sufiĉe klaran, ĉar ĝi ne ebligas netigi situacion kaj prepari celtaŭgan buĝeton.

La ŝajna deficito de la rubriko « eksterbuĝeto » rezultas verfakte el akumuliĝo de antaŭaj jaroj, kaj ĉefe el la ne taŭga sistemo ĝis nun uzata.

Ĉiuj akordiĝis por la plibonigo de la kontoj.

Subskribis : R. Llech-Walter kaj G. Gouget.

---

### NI KONDOLENCAS...

**Forpasis S-ro Pelletier, pensiita kapitano de la aerarmeo, en Saint-Jean-de-Luz. Varbita de S-ro Archdeacon en 1924, li fariĝis fervora esperantisto kaj lerta propagandisto. Li estis oficiro de la Honora Legio.**

**Elisabeth Jouis, la fratino de S-ro E. Jouis fakdelegito de U.E.A. en Bois-Guillaume.**

**S-ino Arsène Perrin, naskiĝinta Charlotte Jacquemet, en Oulchy-le-Château.**

---

vojn, li estis plurfoje ĝenata por legi sciencajn studojn kaj eĉ por komprenigi sin dumvojaĝe ; tial li deklaris sin konvinkita pri la neceso de Esperanto.

Ektondris senfinaj aplaŭdoj.

Roland JOSSINET,
El « Paris-Esperanto ».

# Franca Fervojista Esperanto-Asocio

La 28-an kaj 29-an de novembro 1964 okazis en Le Mans la ĝenerala jarkunveno de F.F.E.A., kunveno tre bone organizita de s-ano Turbelier, prezidanto de la loka sekcio.

Partoprenis sepdek kvin gesamideanoj, el ili dek ok reprezentantoj de alilandaj fervojistaj asocioj : angla, belga, germana kaj nederlanda.

La loka gazetaro favore raportis ; kaj interbona agordo estis trafe gvidata de s-ro Guy Delaquaize, prezidanto de F.F.E.A. Fruktodona debato.

Post sukplena bankedo distra parto gaje konkludis ĉi tiun esperigan renkontiĝon.

La loka gazetaro favore raportis; kaj interalie « Le Maine Libre » prezentis foton kaj du artikolojn, akcentante la fakton, ke « la elekto de Le Mans ne estas hazardo, sed male la rezulto de la efika agado de l'fervojista grupo en Le Mans. »

F. B.

---

## El nia historio

# LA UNUA FRANCA ESPERANTISTO

Lian nomon ni ekscias, legante raporton en « Paris-Esperanto » de januaro 1910 pri festa vespermanĝo en « Hôtel Moderne », place de la République, honore al la 50-jara datreveno de d-ro Zamenhof.

Inter aliaj influaj invititoj estis Raphaël Blanchard, profesoro pri parazitologio kaj membro de la Medicina Fakultato. El lia parolado ni notas jenon : li estis komisiita en 1887 de sia fama majstro Milne-Edwards por organizi la Unuan Internacian Zoologian Kongreson, okazontan en 1888. Du temoj estis enskribitaj en la programo : la zoologia terminaro kaj klasifiko ; 2e laŭ la propono de « The American Philosophical Society » la demando pri internacia scienca lingvo.

Por kunigi dokumentojn pri tiu dua temo prof. Blanchard korespondis en germana lingvo kun d-ro Zamenhof.

Kaj kvazaŭ lertega iluziisto prof. Blanchard dum sia parolado eltiris el sia poŝo la « Unua Libro » (por Francoj) 1887, la « Dua Libro », la tiam ne jam viditan en Paris originalan eldonon de « Aldono al la Dua Libro », kaj aliajn broŝurojn kaj tradukojn de la plej fruaj momentoj de nia lingvo.

Prof. Blanchard aldiris, ke, kvankam li flue parolas germanan, anglan, hispanan kaj italan lingvojn, kvankam li krome scias rusan kaj nederlandajn ling-

## « Els Jocs Florals de la Llengua Catalana »

La 27-an de septembro okazis « la Flor-ludoj de la kataluna lingvo » en la Palaco de la Majorkaj Reĝoj.

La Reĝino de la Flor-ludoj estis f-ino Colette Llech-Walter, prilingva licenciulino, diplomita pri superaj studoj, kaj nune studentino ĉe la Fakultato pri Medicino de Montpellier.

La ceremonio estis televidita. Tiel post Parizo, Buenos Aires, Santiago, Montevideo, Perpignan celebris la grandajn ludojn de la kataluna lingvo. La prezidanto de l' « **Grup Rossellonès d'Estudis Catalans** » estas la prezidanto de nia « Franca Unuiĝo por Esperanto ».

La Honor-Komitaton, kiu enhavis pli ol dudek membrojn (el ili s-roj André Chamson kaj François Mauriac, de la Franca Akademio), prezidis s-roj Christian Fouchet, ministro pri la Klerigado, Pierre Dubois, prefekto de Orientaj Pireneoj, Paul Alduy, deputito urbestro de Perpignan, Jean Jacquet, prezidanto de l'Departementa Konsilio.

---

## Franca Filozofo-Verkisto ricevis Germanan Pac-Premion

La franca filozofo kaj verkisto Gabriel Marcel ricevis la 20-an de septembro 1964 en la Frankfurta Paŭlopreĝejo la pacpremion de la Germana Librokomerco por la jaro 1964. Tiu ĉi premio estas donata de la Germana Librokomerco okaze de la ĉiujara internacia Frankfurta Librofoiro...

La 74-jara Gabriel Marcel estas la unua franco honorita per la pac-premio.

(laŭ *Okcidentgermana Revuo*)

---

## UNESKO-NOVAĴOJ N° 29

### Ĝenerala Konferenco de Unesko en Parizo de la 20. oktobro ĝis la 19. novembro

Inter la 20-a de oktobro kaj la 19-a de novembro okazis en Parizo la 13-a Ĝenerala Konferenco de Unesko, en ĝia Centra Oficejo. Delegitoj el 115 ŝtatoj-membroj pristudis la programon kaj buĝeton de la Organizaĵo por la venonta dujara periodo.

La programo, kiun jam aprobis la Estraro de Unesko, proponas buĝeton de 48.120.000 US dolaroj, proksimume 9.000.000 pli, ol por la antaŭa laborperiodo. Tiu ĉi plialtigo spegulas la daŭran kreskon de la agado de Unesko sur la kampoj de scienco (57 % pli, ol en la antaŭa buĝeto) kaj edukado (13 % pli ol antaŭe).

Plej multe profitos la scienco kaj edukado ankaŭ el la « ekster-buĝetaj rimedoj », kiuj devenas plejparte de la Speciala Fondaĵo de Unuiĝintaj Nacioj (pli ol 30 milionoj da dolaroj) kaj la Teknika Helpo de UN (pli ol 16 milionoj). Tiuj ĉi sumoj, kiuj preskaŭ egalas la proponitan buĝeton de Unesko, spegulas la redirektiĝon de la agado de Unesko, kiu centriĝas ĉiam pli je rekta helpo al evoluiĝo de Ŝtatoj-membroj).

(Laŭ **Unesco Features** kaj **Informa Cervo de U.E.A.**).

## FONDAĴO AZIO-AFRIKO

En la jaro 1955 s-ro Tibor Sekelj entreprenis dujaran vojaĝon tra Azio por informi pri Esperanto kaj por instrui tie la Internacian Lingvon. Rezulte kreiĝis ĉe UEA la fondaĵo « Agado en Proksima Oriento », per kiu la esperantistoj povis materiale apogi la klopodojn por disvastigi la lingvon en Azio.

En postaj jaroj Universala Esperanto-Asocio daŭre subvenciis kaj apogis el tiu kaj aliaj fondaĵoj agadon similan al tiu de s-ro Sekelj. Menciindaj estas la instruado de f-ino Parson en Norda Afriko, la plurjara instruado de s-ino Haudebine en Delhio, la Karavano de Amikeco tra Afriko en 1962, kaj la agado de s-roj Milojeviĉ kaj Sadler en Hindujo, Nepalo kaj Cejlono. Tiu plivastigo de la agado rezultigis, ke la nomo « APO » (Agado en Proksima Oriento) ne plu taŭgis, kaj en la lasta tempo estis adoptita la titolo « Fondaĵo Azio-Afriko ».

La spertoj en Azio kaj Afriko evidentigis, ke, kvankam rektametoda instruado povas esti tre efika, ĝi bezonas ankaŭ nacilingvajn lernilojn, per kiuj la komencantoj povas kontroli kaj ampleksigi sian scion. Estas principe nebone, se la lernantoj povas atingi Esperanton nur pere de iu eŭropa lingvo, ĉar tio kreas la impreson, ke Esperanto estas esence eŭropa afero. Tial UEA nun financis el la Fondaĵo Azio-Afriko la Esperanto-Sinhalan Vortareton, eldonitan en 2.000 ekz. (Prezo ĉe UEA 0,50 gld.). La sinhala estas parolata en Cejlono de ĉ. 7 milionoj. Baldaŭ aperos ankaŭ baza lernilo por bengallingvanoj (80 milionoj da parolantoj en Hindujo kaj Pakistano).

En ligo kun la 50-a Universala Kongreso de Esperanto en Tokio, la unua en Azio, la Estraro de UEA nun konsideras novajn paŝojn en tiu vasta kontinento, kie loĝas duono de la homaro. Simpatiantoj de tiuj klopodoj povas kontribui al la Fondaĵo Azio-Afriko ; ĉiuj donacoj ricevos mencion en la revuo « Esperanto ».

M. H. Vermaas
direktorino, C.O.

# RECENZOJ

---

**Pierre DELAIRE : L'Espéranto vivant — cours pratique complet, encyclopédique — grammaire et méthode directe. Sixième édition. Orléans, Centre National Espéranto-Office, 1964. — 318 p. — 15 fr.**

**L'Espéranto vivant** estas la 6-a eldono de la famkonata **Espéranto en douze leçons.** Okaze de tiu ĉi reeldono la libro ŝanĝis la titolon kaj la aspekton (ĝi estas bindita sub dukolora moderna kovrilo), kaj akceptis pliajn 64 paĝojn.

Kvindek el ili sin ornamas de la titolo « kompletiga rekta metodo ». Pli modeste kaj propradire ili estas ilustraj tekstoj eltiritaj el la malnova « Konversacia Literaturo », kiujn la aŭtoro dislokigis tra la tuta libro, po du aŭ tri fine de ĉiu leciono, sen vere metoda aranĝo. Oni salutu tamen tiun koncedon al la instrumetodoj, laŭ kiuj ĉefas la tekstoj, kiuj solaj — se zorge gradigitaj — ebligas al la lernantoj proprigi al si la lingvon kaj esprimi sin korekte ja, sed ankaŭ flue, facile kaj senpere.

En la ceteraj aldonitaj paĝoj la aŭtoro ĝisdatigis la terminologian parton de la verko, kaj enmetis pliajn historietojn kaj reklamojn. En tiu parto oni trovas ekzemple liston de la medicinaj vortoj elektitaj de la « Medicina Terminologia Centro », kiun direktas d-ro Albault, kelkajn komunuzajn terminojn preterlasitajn en la antaŭaj eldonoj, liston de antaŭnomoj. Tiuj aldonoj bone kompletigas la vortlistojn, en kiuj ne troveblas eraroj, krom du. hazarde trafitaj : en la ĉapitro pri profesioj, **librotenisto** estas nek **expert-comptable** (kontrevizoro) nek **comptable agréé** (kontisto), sed **teneur de livres, aide-comptable ;** aliloke **tripunkto** signifas nur **points de suspension** kaj ne **pointillés** (punktolinio).

La gramatikaj paĝoj restas evidente la forta parto de la lernolibro. En ĝi la aŭtoro montras sian talenton de gramatikisto kaj sian sperton kiel pedagogo. La eksplikoj estas ĉiam klaraj kaj kompletaj kaj respondas al ĉiuj kaj ĉiaj demandoj, kiujn povus meti komencanto kaj eĉ progresinta lernanto. La ĉapitro pri la participoj — ankaŭ kompletigita en la aldonaj paĝoj — estas aparte rekomendinda pro la klareco kaj la ĝusteco de la eksplikoj.

Foliumante la libron por havi ĝeneralan bildon, oni estas frapita de la denseco de la verko. Post la enkondukaj paĝoj kun aŭtora letero, du antaŭparoloj, du aŭtografaj leteroj de francaj eminentuloj, kaj antaŭ la postpaĝoj kun amikaj konsiloj de la aŭtoro, le lernonto alfrontas la eksplikojn, la ekzercojn, la vortlistojn kaj la tekstojn, sed ankaŭ la resumojn, la konsilojn, la komentojn, la parkerotajn frazojn, kaj ankaŭ — se li estas konscienca kaj kuraĝa — li ne iras al la lito antaŭ ol li dekfoje kopiis la frazon de « auto-suggestion éducative » kaj ne ekdormas antaŭ ol li dekfoje ripetadis laŭtvoĉe tiun saman frazon. La aŭtoro estus facile povinta eviti tiun riskon de saturado sen malpliigo de la kvalitoj, kiuj faris la sukceson de la unuaj kvin eldonoj kaj kiuj — mi estas certa — faros tiun de la sesa.

Pierre ROYER.

**Fernando LELOTTE, S.J. : Perspektivoj — aperturoj por la menso kaj por la koro. Tradukita el la franca de Fr. Leotado DE RUYVER, F.C. kaj reviziita de H.G. WANNEMAKERS, S.J. — Edonita (1) de : Fratoj de l'Karitato, Inst. S. Kamilo, Bierbeek, Belgujo 1963. — 13 x 19 cm. — 57 p. — Prezo : fr.**

Tiu ĉi verko provas difini, kia estu la sinteno de la kristano antaŭ la aktuala transformiĝo de la mondo. La aŭtoro unue montras, per elokventa paralelo, ke nia civilizacio alportas, en proksimume egala proporcio, fruktojn de progreso kaj fruktojn de regreso. Sensaciaj eltrovoj kaj ekonomiaj bataloj altigis la vivnivelon, sed la bonstato tiel moligas la humanajn valorojn, ke « moraleco, konscienco, honesteco, fideleco, abnegacio terure malaltiĝis en la estimo de la homoj ». Senindulgaj bataloj signis la reviviĝon de gentoj longe submetitaj aŭ de klasoj daŭre malfavoritaj ; sed ne malpli senindulgaj bataloj plue estas farataj sur la ekonomiaj merkatoj, kie « ĉiu klopodas forpremi la alian kaj akiri pli gravajn profitojn ». Notinte ankaŭ la ekfloron de interpopolaj kontaktoj, li resumas sian observon kaj prezentas la problemon, demandante : « Ĉie lutiĝas ĉenoj — ĉeno el interplektitaj manoj aŭ ĉenoj ĉirkaŭ la piedoj ? ».

La kristanoj estus tentataj, laŭ tio ĉu ili vidas nur la bonajn fruktojn de la civilizacio aŭ la malbonajn, tiun bloke « aprobi aŭ malaprobi, akceli aŭ bremsi, paŭti aŭ kuraĝiĝi, orienti aŭ subiĝi ». La aŭtoro pensas, ke nur malĝusta perspektivo povas naski tian sennuancan juĝon, kaj li proponas al la kristanoj ŝanĝi la perspektivon por akiri pli evangelian dispozicion. Tiun ĉi dispozicion li difinas per la esprimo « malfermiĝo », kaj li studas ĝin en ses ĉapitroj laŭ la objekto, al kiu ĝi orientiĝas : malfermiĝo al la vivo, al la homaj problemoj, al Kristo, al la progreso, al la historio de la universo, al la kristana rigardo al la universo.

La aŭtoro tuŝas la temon, pli ĝuste ol li funde esploras ĝin. Kompreneble la malgrandaj dimensioj de la verko malebligas detalan analizon, sed tro klare sentiĝas edifa tono. Certe la verko suk-

(1) « Cum approbatione ecclesiastica ».

cesas inspiri piajn kaj virtajn sentojn, sed la kristana batalanto apenaŭ sentas el la libro, ke, krom la soldado sur bone lokita pinto, kiu malkovras perspektivon al bela panoramo, li ankaŭ havas kiel devon malsupreniri al kaŝitaj kaj krudaj valoj por esti — laŭ la Vorto — la « salo de la tero ».

La traduko de Frato De Ruyver, lingve kaj stile bona, riĉigas per sia alta nivelo la katolikan libraron.

P. ROYER.

## SENNACIECA REVUO nº 92 (1964)

**Eldonita de S.A.T. - 56 p. ; prezo : 3 Fr.**

La enhavo de tiu ĉi nova kajero de **Sennacieca Revuo** estas, feliĉe, pli alloga, ol ties kovrilbildo. Post artikolo de N. Bartelmes dediĉita al la « dudeveno kvindekjara de granda katastrofo », venas du dokumentoj pri la lasta mondkatastrofo : memoraĵoj de du japanoj-militkaptitoj, unu ĉe usonanoj, la alia en Siberio ; ĉi-lasta rakonto estas aparte interesa pro la bona priskribo de la soveta etoso. La pure literatura parto estas malvasta, sed valora : tradukoj de du prozpoemoj de Baudelaire fare de Paul Lobut. La satiro de Dragan Dimitrijeviĉ : « Postmorta vojaĝo de Doktoro Zamenhof » enhavas plurajn trafajn ideojn, sed pekas per longeco, kiu igas ĝin enuiga. Satiro postulas pli da vigleco, da denseco. Sur la apuda paĝo Raymond Schwartz, el sia tradicia « ridpunkto » kaj per sia kutima vervo, revuas la okazintaĵojn de l'pasinta jaro en Esperantujo kaj en la mondo.

Artikolo de A. Fernandez, serioza kaj bone dokumentita, pri la filozofio de Teilhard de Chardin, kompletigas — eĉ kritikas kaj korektas — artikolon aperintan en la lastjara kajero pri la sama temo. De filozofio al lingvistiko estas mallonga distanco, kiun ni transiras per la studo de J. Vilem pri la bazoj de scienco, kiu fariĝas pli kaj pl laŭmoda : la ĝenerala semantiko. Kaj ni atingas la artikolon de J. Régulo, titolitan « Lingva deontologio », en kiu la aŭtoro defendas « la pravon kaj rajton de ĉiuj vortoj el lingva vidpunkto » kaj sekve kontraŭbatalas kuraĝe la tabuojn, kiuj malpermesas la uzon de certaj vortoj, kategoriitaj de la filistroj kiel « maldecaj ». Malnova kaj ŝajne eterna problemo en nia okcidenta « civilizita » mondo. « Cachez ce sein... » diris Tartuffe, kaj tri jarcentojn poste la tartufidoj tumultas kontraŭ la bankostumo sen brustotenilo. Sed la supertartufoj havas eĉ pli drastan moton : « Kaŝu tiun vorton ». J. Régulo, kiel lingvisto, defendas la vortojn. Gratulinde... Postnoto al la artikolo asertas, ke la estraro de U.E.A. malpermesis al William Auld aperigi tiun artikolon en **Monda Kulturo.** Jen grava akuzo, kiu celas kredigi al ni, ke la estraranoj de U.E.A. estas analfabetoj kaj tartufoj. Senbaza hipotezo, ĉu ne ? Malkonfirmo de tiu misinformo espereble baldaŭ aperos. Cetere, eĉ se tiu nekredebla historio estus vera, ĝi estus profitodona por la esperantista publiko, ĉar **Sennacieca Revuo** havas certe pli multnombran legantaron, ol **Monda Kulturo.**

Michel DUC GONINAZ.

## DU POEMAROJ EL LA NORDO

Unu el la laste aperintaj **Beletraj Kajeroj de Stafeto** prezentas al la esperantlingva publiko la du lastajn verkojn de la juna islanda poeto Thorsteinn frà Hamri, kunigitajn sub la titolo **Sub stelo rigida** kaj tradukitajn de Baldur Ragnarsson (1). Ankoraŭfoje nia lingvo peras la literaturajn valorajojn de malvaste disvastigita kulturo. La poezio de Thorsteinn frà Hamri sin esprimas per diversaj versformoj -ofte senrimaj, sed kun ĉefa rolo de ritmo —, kiuj iras de strofa formo al prozo. En **Donaco por Nova Mondo,** la poeziaj bildoj, en kiuj ofte perzentiĝas la frosto kun neĝo kaj vento, l'arbaro kun siaj noktaj fantomoj unuflanke, la fajro de la matenlumo aliflanke, celas speguli imagon, kiu evoluas inter lirikisma kaj filozofia meditado, kaj animstaton de poeto angoranta inter la praaj fortoj kaj la « flarata » futuro. En la dua verko, **Lando de vivantoj,** la strukturo estas pli firma, la lingvaĵo pli klara, la temoj pli percepteblaj : la individuo perdita en la « stepoj sen vivo » ŝajnas atingi tiun ekvilibron, kiun li vane serĉadis en la antaŭa verko, la « surpaseblajn terbulojn » de la poemo « Kulturo », kaj estigas kontakton kun la homaro kaj ties nunaj problemoj. La konkludaj poemoj estas lumigitaj de espero kaj optimismo « malgraŭ ĉio ». Aldonende estas, ke la enkonduko de Baldur Ragnarsson estas utila gvidfadeno en tiu ĉi labirinta verko.

La dua libro al ni proponita estas pli facile legebla de larĝa publiko. La nova verko de la aŭtoro de **Rozoj kaj Urtikoj,** titolita **Sen paraŝuto,** enhavas tradukaĵojn el moderna dana poezio kaj originalaĵojn de Poul Thorsen (2). El la tradukitaj pecoj, malmulte allogaj laŭ mia gusto, elstaras poemoj de Sophus Claussen kaj Poul Martin Moller. La eklektismo de Poul Thorsen videbliĝas ankaŭ en lia originala verkado, kaj tio ne ĉiam prosperas al li. La porokazaj versaĵoj dediĉitaj al la Movado estas enuigaj. El la parto « Postrikolte » estas legindaj « Por tombŝtono », en kiu Thorsen trovas por kondamni la militon vortojn pli trafajn, ol en kelkaj aliaj pecoj, kaj « Annika », bona pritrakto de feroa legendo :

« Morta ŝi vivas en oldaj rakontoj,
drona ŝi drivas laŭ ventoj kaj ondoj ».

En la « miniaturoj » ni retrovas la aŭtoron de **Pluk,** sed plej ofte temas pli pri pensoj aŭ ŝercoj versigitaj (eventuale kun kejlaj rimoj) ol pri veraj epigramoj. Kelkaj ideoj estas ja bonaj (kiel « Parabole » p. 117 aŭ « Makiavele » p. 129),

---

(1) **Thorsteinn frà Hamri** : Sud stelo rigida. — **Prologo kaj traduko de Baldur Ragnarsson. — Kovrilo kaj 8 dekoracioj de Asta Sigurdarthottir. — Stafeto, Beletraj Kajeroj 21. — J. Régulo, La Laguno, 1963. — 12 x 19 cm. 132 paĝoj. — Prezo : 6 fr.**

(2) **Poul Thorsen** : Sen paraŝuto (Testamento). **Prezento de Henri Baupierre. Kovrilo kaj 5 dekoracioj de Erling Höfft. Stafeto, Beletraj Kajeroj 20. J. Régulo, La Laguno, 1963. — 12 x 18,5 cm. — 144 p. — Prezo : 6 fr.**

foje iom da vera fantazio pipras ilin (« Bridilo ? » p. 113 aŭ « Pap-ago » p. 119), sed mi neniel sentis la ŝokon promesitan de Henri Baupierre en la enkonduko. Laŭdire Poul Thorsen celas ankaŭ pilorii la moralajn antaŭjuĝojn kaj hipokritaĵojn, sed lia sentabuigo estas tre suspektinda. Ĉu la aserto, ke

« ...devas esti virto
por esti privenkita »

ne estas nova formo de hipokrito ?

La erotika flanko de Thorsen ne ŝajnas al mi tre forta ; ĝi limiĝas ofte al kliŝoj. Parenteze dirite, la kvarverso sur p. 130 :

Se virino komencas
virini,
mia vira vireco tendencas
sin klini

ŝajnas al mi stranga paradokso. Aŭ ĉu mi ĝin misinterpretas ?

Michel DUC GONINAZ.

**Ella GIBSON — Bonvolu esti mia amiko ! — Tri porinfanaj teatraĵetoj. Eld. Esperanto Press, Oakville, 1963. — 57 p. — Prezo : 3 F.**

Tri teatraĵetoj por infanoj. La unua (**Bonvolu esti mia amiko !**), ĉefe en angla lingvo, pri Esperanto, kun la naivaĵoj ligitaj al la propaganda ĝenro. **« Najla buljono »**, pli utiligebla, estas en Esperanto, sed kun anglalingvaj klarigoj (eventuale tradukeblaj en alian nacian lingvon cele al prezento antaŭ neesperantista publiko). La tria, tute en Esperanto, estas enscenigo de la fama fabelo **« La Tri Ursoj »**. Ĝi do tre taŭgas por junaj infanoj, ankaŭ el lingva vidpunkto.

M. D.

Du lernolibroj por pollingvanoj venis al ni por recenzo. Kvankam ili malmulte interesos niajn franclingvajn legantojn, ni notu ilin :

**Maria Niemirow — Esperanto dla wszystkich (Esperanto por ĉiuj). Eld. Polski Zwiazek Esperantistow, Warszawa 1963. Eldonnombro 5100. — 76 p.**

Tiu libro estis verkita laŭ kurso aperinta en pola gazeto. Tio certe klarigas la familiaran tonon, uzatan de la verkintino, kiu volonte aldonas al siaj gramatikaj klarigoj : « facile, ĉu ne ?... » aŭ diversajn ŝercojn. Oni ne enuas kun S-ino Maria Niemirow, kiu cetere estas tiel optimista, ke ŝi komencas la enkondukon per la jenaj vortoj (mi tradukas) : « Feliĉe oni nuntempe ne plu bezonas klarigi al iu ajn, kio estas Esperanto. Se estus vere ! La metodo estas klasika : tekstoj, ofte verkitaj laŭ la frazoj de la Fundamento, listo de novaj vortoj, gramatikaj klarigoj, traduko de la tekstoj. Kelkaj tekstoj estas tre amuzaj. Sed en tiu frazo « Mia pli juna frato estas honesta homo. Li estas diplomato », mi ne sukcesis konkludi, ĉu temas pri intenca aŭ kontraŭvola humuro. La frazo (en leciono 24) : « la komedio de Molière **La Friponaĵoj de Skapeno** estas ridinda » estas evidenta eraro. Oni ja legu : **ridiga.** Tiu libro estas uzebla por memlernado.

**Tadeusz Hodakowski — Okno na swiat (Fenestro sur la mondon). Eld. Poslki Zwiazek Esperantistow, Warszawa. — 28 p.**

Tiu lernolibro estas malpli agrabla ol la supre citita : unue, ĉar ĝi estas multobligita per malgrandaj tipoj ; due, ĝi estas pli severa. Sed la gramatiko estas prezentita pli sistemece kaj la lecionoj enhavas multajn ekzercojn por la konversacio. Ĝi do pli taŭgas por parola kurso.

M. D.

**Sacha SIMON — Moscou. Fayard, Paris, 1964. — 270 p. — 18 F.**

Kvankam ni ne kutimas recenzi ĉi tie franclingvajn librojn, mi volonte atentigas niajn legantojn pri tiu libro, kiun la aŭtoro afable sendis al ni. Sacha Simon cetere ne estas nekonato por la francujaj esperantistoj, ĉar, kiel speciala sendito de **Le Figaro,** li jam dufoje — en Sofio kaj Hago — partoprenis niajn Universalajn Kongresojn kaj raportis objektive pri ili.

Tiun objektivecon kaj viglan intereson pri la vivo de la homoj ni retrovas en tiu libro, kiu estas historio de Moskvo de ĝia fondiĝo ĝis niaj tagoj. Objektiveco cetere ne signifas ĉi tie sekecon aŭ pedantecon : se svarmas la historiaj detaloj, multnombras ankaŭ la pentrindaj scenoj de la moskva vivo tra la jarcentoj : vivo de Kremlo kaj vivo de la popolo. Bona konanto de la rusa lingvo kaj vivinta en Sovet-Unio dum pluraj jaroj, la aŭtoro sukcesis ne nur kompili historiajn dokumentojn, sed ankaŭ penetri en la psikologion de la rusa popolo, al kiu li montras profundajn estimon kaj simpation.

Michel DUC GONINAZ.

---

**DOMETO AŬ TERENO**

« Dometon en bela regiono de Provence mi serĉas, por pasigi feriojn kaj por vivi tie dum maljuneco.

Ankaŭ malgrandan terenon de 4-10 aroj por konstruigi tian feriodometon ».

Bruno VOGELMANN, 718 Grailsheim — Germanio. Poŝtkesto : 440.

---

**EL LA KONGRESLIBRO DE L'MARKIZINO**

Ni bedaŭris la foreston de nia eminenta Prof. el Friburgo : ni tamen kolektis por li kelkajn impresojn pri la 49-a.

Ĉe la dogano oni tuj povis konstati, ke ĉiu kazo devas havi vicon.

La pacmovado okazis en granda kelo.

**GVIDILO KAJ MAPO por vizitantoj al New-York. 32 paĝoj.**

La usonaj samideanoj bone propagandas. Okaze de esperanto-kongreso en Nov-Jorko ili eldonigis belan gvidilon por vizitantoj de tiu urbo. Multaj koloraj fotoj rememorigas la plej famajn monumentojn en la mondo. La teksto esperante skribita donas interesajn detalojn pri la vidindaĵoj.

Tiu ĉi gvidilo povas interesi ne nur la vizitantojn de la nov-jorka mondfoiro sed ankaŭ tiun, kiuj povas vojaĝi nur interne de sia ĉambro.

Por montri la utilecon de la gvidilo, mendu plurajn ekzemplerojn de la ĉi-suba adreso : New-York Convention and visitors bureau, inc. Pershing Square, 90 East 42 nd street, New-York 17.

Legree.

**« VARSOVIO REKONSTRUITA » — 140-paĝa albumo, tole bindita — Eldonejo « Polonia ».**

Post la sistema detruo de Varsovio Hitler diris : « Varsovio fariĝis nur geografia ideo sur la mapo de Eŭropo ». Nun la tuta urbo estas rekonstruita...

Tiu ĉi albumo tre bele prezentita enhavas preskaŭ cent fotojn. Sur ĉiuj maldekstraj paĝoj oni vidas la ruinaĵojn en 1945, sur la dekstraj la aktualajn samajn kvartalojn kun ilia novaspekta vizaĝo.

Pli bone ol detala teksto tiuj fotoj montras la vitalan forton kaj la dinamismon de ĉi tiu urbo, kiu senviva antaŭ dudek jaroj staras nun pli vasta kaj pli vivipova ol iam.

Legree.

**« OBJEKTIVA VIVKONCEPTO » de Ib Schleicher — broŝureto — 28 ilustritaj paĝoj — Eldonejo : Martinus Instituto, Mariendalsvej 94-96, Kopenhago F. Danlando — sendita senpage.**

Inĝeniero Id Schleicher estas unu el la esperantaj tradukantoj de la verkoj de Martinus, la dana pensulo. En la jena kajero li prezentas la bazajn konsiderojn pri la matefizika klarigo de la vivo kaj universo.

Li klopodas pruvi, ke la vivo ne estas hazardo, ke ĝi havas sencon aŭ celon, kaj ke ĝi rezultas nur el antaŭplanita sistemo.

Laŭ lia opinio vivi eterne signifas vivi ne nur post la morto sed ankaŭ antaŭ la naskiĝo...

La konkludoj povas aspekti kontesteblaj sed oni devas konfesi, ke Ib Schleicher, kiel Martinus, provas konstrui religian doktrinon nur per scienca argumentado kaj logika analizo de la faktoj.

Legree.

**« LA VOJO AL MONDPACO » de Gunnar Rugland — Eldonejo : Nova Mondo (Svedujo) — Broŝuro — 40 paĝoj — Prezo : 5 Fr.**

La vojoj al mondpaco estas multaj. La aŭtoro de ĉi tiu broŝuro elektis unu el tiuj vojoj : li opinias, ke malpaco venas de la fakto, ke la homaro suferas fizike kaj mense.

La solvo estas do sanigi la homojn :

1) Por la sanigo de la homa menso la proponita solvo estas la « Universala amo ». Facila diraĵo ! Sed ŝajnas al mi, ke tiu ĉi konsilo aspektas kiel la jena : por ke ŝtelistoj ne ŝtelu, necesas, ke ili fariĝu honestaj !

2) Por la fizika sanigo la proponita solvo estas : manĝi nur freŝajn fruktojn kaj kreskaĵojn. Do por la paco, mi petas, ne plu manĝu viandon !...

Se la argumentado de ĉi tiu sistemo plaĉas al vi, vi devas aniĝi al la nove kreinta ligo, kies titolo estas : Universala Ligo por Mondpaco pere de Universala Amo (U.L.M.U.A.) — tiaokaze sin turni al la iniciatinto : s-ro Gunnar Rugland, ĉe Rönnell, Hornsgatan 8911, Stockholm 17, Svedujo.

Legree.

**850 FIAT — Faldprospekto pri la plej freŝdata aŭtomobilo de FIAT.**

La mondkonata firmao FIAT ekuzis esperanton por siaj komercaj celoj. Tiu ĉi unua paŝo konsistas el faldfolio tre bele presita kun koloraj kaj klaraj fotoj de la aŭtomobila modelo « 850 ».

Malfermante la unuan paĝon vi rigardas internen de la kofro, la du centrajn paĝojn vi troviĝas kvazaŭ interne de la aŭtomobilo, fine vi povas ekzameni la motoron kaj informiĝi pri la teknikaj detaloj.

Ĉiuj sciigoj estas redaktitaj en bonega lingvo ; kaj aŭtomobilisto aŭ ne, neniu leganto povas resti indiferenta antaŭ tiel bele prezentita veturilo. Ne hezitu viziti la aŭtomobilon, petante tian faldprospekton : ambaŭ estas rimarkindaj modeloj en sia respektiva speco.

**JUS APERIS rimarkinda broŝuro de André Ribot : NOS PREMIERS PAS EN ESPÉRANTO. — 36 paĝoj, humure ilustritaj de Laurence Poueymarie kun prononcodisko 45 t/m. Eldonejo : Les Editions Françaises d'Espéranto, Marmande.**

Mendu ĝin senhezite : nemalhavebla helpilo de la informado, ĝi estas uzebla, kiel siatempe la fama « ruĝa broŝuro ».

---

**ERATUMO (n° 228, p. 73)**

**Legi : C.C.P. Paris 18.403-71, kaj ne : 184.371**

## IMITINDA INFORMADO

La ĉiam vigla esperanto-grupo de Angers grandskale uzas la novan broŝuron :

**NOS PREMIERS PAS EN ESPÉRANTO**

de ni eldonitan por diskonigi nian lingvon ; ni èojas sugesti al vi la enpresigon en la viare-giona gazetaro de la ĉi-suba artikolo, kiun s-ro Frangeul verkis kaj jam sukcese aperigis.

Ni insiste petas, ke vi ne ŝanĝu la titolon, kiu plej trafe mencias la diskon !

Por la « documentation complète », vi povos aldoni presaĵojn de U.E.A. aŭ la kvarpaĝajn prospekton de ni eldonitajn : **Eepéranto et Culture, l'Espéranto dans l'enseignement.**

Ni memorigas la prezojn de :

NOS PREMIERS PAS EN ESPÉRANTO (broŝuro kaj disko)

| | | |
|---|---|---|
| 1 ekz. 2,50 | 5 ekz. 11,00 | 10 ekz. 20,00 |
| 50 ekz. 90,00 | 100 ekz. 170,00 | 500 ekz. 750,00 |

4-PAĜAJ PROSPEKTOJ

| | | |
|---|---|---|
| 10 ekz. 1,25 | 20 ekz. 2,45 | 50 ekz. 6,00 |
| | 100 ekz. 12,00 | |

(la ĉi-supre indikitaj prezoj estas afrankitaj)

---

VOUS POUVEZ RECEVOIR UNE DOCUMENTATION AVEC DISQUE SUR L'ESPERANTO

Dans le but de faire connaître la langue internationale le Cercle « Espéranto » de :
propose l'envoi suivant à toutes les personnes intéressées contre 3,50 en timbres :

— un nouveau petit manuel d'initiation : NOS PREMIERS PAS EN ESPERANTO,

— Un disque souple de prononciation correspondant au manuel,

— une documentation complète.

L'Espéranto, la plus facile et la plus jeune des langues, s'apprend aisément par correspondance et même sans professeur, avec ou sans disques. En l'étudiant un peu chaque jour, on peut en quelques mois :

— avoir des correspondants dans les pays de son choix ;

— participer à d'agréables rencontres internationales (les seules au monde où interprètes et traducteurs sont parfaitement inutiles !)

— disposer de « points de contact » dans le monde entier pour les voyages à l'étranger (un annuaire de poche publie les adresses de milliers de délégués locaux) ;

— posséder un instrument linguistique qui est une ouverture vers tous les peuples et toutes les cultures grâce aux échanges qu'il permet et à la vaste littérature qu'il a déjà créée.

Pour recevoir la documenttaon proposée aux conditions ci-dessus, écrire à :

(Communiqué de E.F.E.)

## 50-a UNIVERSALA KONGRESO EN ESPERANTO

Tokio (31 VII — 7 VIII 1965)
Sub la Alta Protekto de D-ro Yuji Shibata
Prezidanto de la Japana Akademio

Komuniko de la Loka Kongresa Komitato :

Ni devas atentgi, ke la aliĝiloj disdonitaj dum la 49-a Universala Kongreso en den Haag (blukoloraj) enhavas erarajn aliĝkotizojn kaj pro tio ili estas nuligitaj. La validaj aliĝiloj estas la flavkoloraj..

---

## 21-a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO DE TEJO !

**Kongrestagoj :** de la 8-a (dimanĉo) ĝis la 15-a (dimanĉe) de aŭgusto 1965.

**Ĉefa loĝejo :** Japana Centro de Junulargastejo en Ootu apud la lago Biŭa, Ŝiga gubernio (en Kasai-distrikto).

| **Kotizoj :** | antaŭ 1-4-65 | post 1-4-65 |
|---|---|---|
| malpli ol 20-jaraj | 18 US dolaroj | 20 US dolaroj |
| 20-jaraj kaj pli aĝaj | 20 US dolaroj | 22 US dolaroj |
| nemembroj de TEJO | 22 US dolaroj | 24 US dolaroj |

Limdatoj : 1 aprilo 1965 — kotizaltiĝo
15 junio 1965 — ĝis tiu dato aliĝoj estas nuligeblaj : oni ricevas la kotizon minus tri US dolaroj.
1 julio 1965 — lasta dato por aliĝo.

**Alvojaĝo :** kongresanoj el la 50-a U.K. en Tokio povos vojaĝi per nove konstruita fervojo la plej moderna en la mondo kaj en reservitaj vagonoj. Por ĉi tiu vojaĝo ĉiu kongresano bezonas aparte pagi 14 US dolarojn por ir-revena veturado inter Tokio kaj Kioto. Por tiuj, kiuj veturas nur unu direkton de Tokio al Kioto aŭ inverse, la kosto estas duona.

Veturkostoj de aŭtobusoj inter Kioto-stacio kaj la kongresa loĝejo, por la ekskursoj kaj aliaj transportiloj dum la Kongreso, estas inkluzivitaj en la kongreskotizo, same kiel la loĝado kaj manĝado.

Yoshikazu Takeuchi, prez.
Yoskimi Umeda, sekr.

---

**DECEMBRO**
**monato de donacoj**
**monato de l'kotizoj.**

---

**ERATUMO koncerne la rubrikon « NIA VORTTREZORO »**

En la rubriko 4 pri « sorpo » (F.E., n° 227 de junio-julio 64, p. 57) oni korektu *aĝoda* al *âgoda*, kaj je du linioj sube oni legu : la rusa litero *â* prononciĝas *ja*.

## Nia vorttrezoro

### (5) REPERTUARO

S-ro D.G. en P. demandas : « KIAL 'REPERTUARO' KAJ NE LA PLI INTERNACIA 'REPERTORIO' tamen trovebla kiel duoblaĵo en la hispana vortaro de Tudela Flores ? »

Ni povus kontentiĝi per aŭtoritata respondo : « Ĉar tia estas la kutima formo : Zamenhof ĝin uzis : la Unua Oficiala Aldono al la Fundamento ĝin oficialigis ; antaŭ ĉio, lingvo estas tradicio, kaj en ĝi oni ja ne senĉese diskutas la vortformojn ; oni uzas ilin, kiel vivantajn elementojn de vivanta lingvo : en la Esperanta, same kiel en la franca, la angla aŭ la hotentota. »

Ni tamen esploru la aferon, ĉar ĝi neniel estas izola ekzemplo.

La formo 'REPERTORIO' efektive troviĝas en la novlatinaj lingvoj : hispana, itala, portugala ; ĝi devenas de la jura latina 'REPERTORIUM' (6-a jarcento). La angla havas 'REPERTORY' ; la franca la verbon 'REPERTORIER'. Tamen 'REPERTORIO' ne estas pli internacia ol 'REPERTUARO'. Male ! Efektive ni devas konstati, ke internaciiĝis ne la « novlatina formo », sed precize la franca 'RÉPERTOIRE'. Ĝi troviĝas en la angla konkurence kun la jam citita formo ; la germanoj (kaj la danoj) skribas 'REPERTOIRE' kaj prononcas ĝuste kiel la francoj : REPERTUAR. Ilin imitas plej multaj eŭropaj lingvoj : mi citu la svedojn ('REPERTOAR'), la polojn ('REPERTUAR')... La rusoj, per cirilaj literoj, skribas « REPERTUAR », kaj ili same tiel prononcas. Do ne ia abstrakta vorto « novlatina » internaciiĝis, sed internaciiĝis la konkreta franca vorto; kaj ĝi internaciiĝis nur kiel termino de teatro kaj muziko : la aliaj signifioj (registro, tabelo, katalogo,...) ne estas internaciaj. Kaj ĝuste tiu situacio de la aferoj difinis la precizan signifon de la Esperanta « REPERTUARO ».

Per tiu ekz-o, ni do konstatas la ekziston de du malsamaj « internaciecoj ». Unu limiĝas al la novlatinaj lingvoj, lingvoj diverĝantaj inter si elde la latina. Sed dua internacieco kreiĝis inter la diversfamiliaj eŭropaj lingvoj, internacieco neniel ligita al lingvogrupo aŭ al alia, sed ligita de pli kaj pli unueca kaj vastiĝanta civilizacio ; tiuj lingvoj pro multfacetaj kontaktoj iel konverĝas unu al la alia. Efektive ili ĉiuj pli malpli pruntas difinitajn vortojn de sama lingvo : longe tiu sama lingvo estis la franca, kaj tra ĝi la latina kaj greka ; sed neniam eskludе nek esence : por difinitaj branĉoj aŭ difinitaj nocioj estis uzataj aliaj fontoj, kiel la itala por la muziko, la angla por la sporto,... la fjordoj venis el Skandinavio, la kolhozoj el Sovetio... Nuntempe okazas invado de pure anglaj terminoj (« FEED-BACK » en elektriko, « CROSS-OVER » en biologio...) : la francaj teknikistoj kaj sciencistoj saĝe kreis ĉefe el la greka kaj iom el la latina ; la angloj senzorge kreas el la angla... Se morgaŭ la rusoj superregos en tekniko kaj kulturo, tiel same okazos invado de rusaj terminoj, kiuj do fariĝos internaciaj vortoj. El ili Esperanto ĉerpos siajn elementojn.

Ni do komprenas, ke tiu konverĝa internacieco, turnita al la venonteco, estas esence pli grava, pli vasta ol la diverĝa limigita internacieco de la novlatinaj... Ĝi ne neglektas la latinan kaj la grekan fontojn, sed donas al ili nur la normalan lokon, kiun ĝi meritas : ja mastran kaj unuarangan, sed nek eskludan nek unuan. Latina aŭ greka vorto ne internaciiĝis kiel tia, sed ja kiel franca aŭ itala aŭ angla... termino. Kaj tio reflektiĝas en Esperanto, kiu malgraŭ sia vorttrezoro ĉefe novlatina, tamen ne estas novlatina lingvo kaj sekve estas plej bone preparita por akcepti en sian sinon, laŭ la venonta evoluo de la monda kulturo, la vortojn de kiu ajn deveno laŭ la novaj esprimbezonoj : tion jus konkrete montris la apero de la « ENCIKLOPEDIETO PRI JAPANAJ AFEROJ », kiu listigas 500 el la ĉefaj kulturaj terminoj kutimaj al Japanoj.

Zamenhof bone komprenis tiun situacion kaj sciis el ĝi krei harmonian kaj homogenan lingvon. Ĉe kreo de la Esperanta skemo, antaŭ 1887, pensante ankaŭ pri la neeŭropanoj, li frontis kaj sciis eviti du rifojn : 1) ne konstrui pseŭdonovlatinan lingvon ; 2) ne konstrui senforman lingvon, kiu entenus en iliaj originaj formoj aŭ eĉ skribformoj « ĉiujn internaciajn vortojn ». Konkurantoj de Zamenhof, en la sama epoko, trafis unu el tiuj rifoj aŭ eĉ ambaŭ (entrudante neasimilitajn internaciajn vortojn en lingvo de aspekto pure latinida). Sed kio fariĝis el ilia kreaĵo, kiun la Vivo ne akceptis ? Ekster historiistoj pri la mondlingva demando, kiu ankoraŭ konas iliajn nomojn ?

**A. ALBAULT.**

## INFORMO AL LA LIBRO-AMANTOJ

### MALFERMO DE LA BIBLIOTEKO DE UNION FRANÇAISE POUR L'ESPERANTO

Ekde la 1-a de novembro estas malfermita la biblioteko de U.F.E. La servo funkcios :

— ĉiumerkrede kaj — vendrede de la 19.30 ĝis la 21.30 ;

— ĉiuĵaŭde kaj — sabate de la 15.00 ĝis la 18.00, escepte de la kutimaj feriotagoj kaj antaŭtagoj.

La legantoj estas petataj observi la jenan regularon.

### REGULARO

1. — **Aliĝo.** — Povas aliĝi al la biblioteko ĉiu membro de U.F.E., kiu pagis sian kotizon por la kuranta jaro. La ne-membroj povas aliĝi, pagante jaran kotizon de 15 frankoj.

2. — **Servoformo.** — La servo funkcias laŭ du formoj : a) surloka konsultado dum la deĵortagoj ; b) pruntado de la libroj.

3. — **Pruntokondiĉoj.** — Unu leganto ne rajtas elpreni pli ol du librojn samtempe. La prunto validas por unu monato. Por ĉiu libro reportita post la tempolimo, la biblioteka kaso enspezos monpunon de 1 franko por ĉiu semajno komencita.

4. — **Pruntado al la provincanoj.** — Ekspedoservo funkcios por la uzo de la membroj el la provinco. Tiu ĉi servo estos limigita de la jena konsidero : la grupoj devos laŭeble starigi sian propran bibliotekon por havigi al siaj membroj la komunuzajn librojn. La ekspedoservo do devos esti uzata nur de tiuj, kiuj deziras konsulti elĉerpitan aŭ raran verkon por la bezono de siaj laboro aŭ esploroj, aŭ de la izoluloj en urbetoj, kie ne ekzistas sufiĉe grava grupo. La biblioteko sendos la librojn per registrita poŝto sub la formo « recommandé port dû ».

La leganto resendos la librojn per registrita poŝto antaŭpaginte la afrankon. Li bone prizorgos la aranĝon de la pakaĵo, por ke la libroj ne estu difektitaj.

5. — **Prizorgo de la libroj.** — La legantoj devontigos sin protekti la librojn per papera kovrilo, kaj kvitigos sin per monkompenso, se ili perdos aŭ difektos libron.

6. — **Modifo de la regularo.** — La bibliotekisto rajtas modifi la jenan regularon, ĉiufoje kiam tio estas oportuna.

La bibliotekisto bonvenigas la legantojn kaj deziras, ke la malkovro de nia literatura trezoro alportu al ili multe da ĝuo.

# A Tokio par Air-France

*Comme vous le savez, le 50e Congrès Universel de l'Espéranto, se tiendra à Tokio, du 31 juillet au 7 août 1965.*

*Nous sommes en mesure de vous communiquer maintenant le tarif spécial Paris-Tokio-Paris, que la Compagnie Nationale Air-France peut nous accorder, permettant ainsi aux espérantistes français d'effectuer ce voyage sous pavillon national : 4.452,90 fr.*

*Il s'agit d'un tarif de groupe (au moins quinze personnes), en classe « économique ».*

*Le groupe doit être composé exclusivement des membres adhérents à l'Union Française pour l'Espéranto, accompagnés éventuellement de leur épouse et de leurs enfants à charge.*

*Malgré ce tarif réduit, Air-France nous offre les avantages de l'aviation à réaction : confort inégalé (le Boeing Jet Intercontinental vole à 13.000 m. d'altitude, c'est-à-dire, bien au-dessus des perturbations atmosphériques, aucune vibration ne vient troubler la quiétude de la vaste et luxueuse cabine parfaitement insonorisée), voyage plus court et plus pratique (à près de 1.000 km. à l'heure, le long-courrier à réaction met Tokio à moins de 19 heures de Paris), séjour au Japon plus long et plus pratique.*

*Toujours malgré ce tarif réduit, Air-France nous offre, en outre, la gamme de ses 7 services réguliers reliant chaque semaine la France au Japon : 2 services par la prestigieuse Ligne Polaire, 5 services par la traditionnelle Route des Indes.*

*Ainsi, sommes-nous en mesure de choisir les vols nous convenant le mieux, par lesquels nous partirons et nous reviendrons tous ensemble.*

*Nous pouvons, par exemple, gagner le Japon en passant par le pôle, et au retour, pour faire plus ample connaissance avec l'Asie, nous arrêter dans une ou plusieurs escales qui jalonnent la route du Sud : Hong-Kong, Manille, Saigon, Pnom-Penh, Bangkok, Calcutta, New-Delhi, Karachi, Téhéran, Tel-Aviv, Athènes, Rome. Dans ces villes, des séjours avec excursions sont possibles à des tarifs forfaitaires.*

*Dans la prochaine revue, nous vous donnerons les prix que la Compagnie Air-France peut nous consentir pour un séjour d'une semaine à Tokio.*

*D'ores et déjà, sans engagement de votre part, prenez contact pour ce voyage avec nous-même ou avec notre secrétariat. Les frais de ce merveilleux voyage au pays du Soleil Levant seront d'autant plus réduits que nous serons plus nombreux à y participer.*

*Le Président, LLECH-WALTER.*

# Dons pour le maintien du siège social à Paris

—o—

| | |
|---|---|
| S-ro LLECH-WALTER | 100,00 |
| F-ino CARRENO | 1,00 |
| Anonimulino (Les Andelys) | 100,00 |
| S-ro BERNARD Roger | 100,00 |
| S-ino LAVALLEE | 50,00 |
| S-ro BARRIER | 20 |
| S-ro CARRY | 10,00 |
| S-ro CRISTOFOL | 10,00 |
| S-ro CADENEL | 10,00 |
| S-ro BENDIMERAD | 10,00 |
| S-ro FRANGEUL | 10,00 |
| S-ro MARLY | 50,00 |
| S-ro LAVARENNE | 50,00 |
| S-ro GARRIGUE | 50,00 |
| S-ro AZAM | 10,00 |
| S-ino SARDA | 10,00 |
| S-ro CHARLET | 50,00 |
| F-ino CLAUDE | 10,00 |
| Anonimulino (Paris - A.R.) | 100,00 |
| S-ro BAZIRE | 5,00 |
| S-ro MANSIRE | 5,00 |
| S-ro TISON | 100,00 |
| S-ro BRENDER | 100,00 |
| S-ro MONNOT | 10,00 |
| S-ino BARITEAUD | 11,00 |
| S-ro CURNELLE | 2,00 |
| F-ino AUBRUN | 7,00 |
| F-ino ROBIN | 20,00 |
| S-ro CHAVET | 10,00 |
| S-ro DABEZIES | 50,00 |
| S-ro OMONT | 100,00 |
| S-ro CHANTEREAU | 30,00 |
| Anonimulino (Calais) | 20,00 |
| S-ino BLONDEAU | 10,00 |
| S-rojn GAUTHIER et Cie | 10,00 |
| S-ro VILLEGIER | 4,00 |
| S-ro LEGRET | 5,00 |
| S-ro BLANC | 14,00 |
| S-ro EVROT | 10,00 |
| F-ino BONNEFOUS Yvonne | 20,00 |
| S-ro DERKS | 50,00 |
| Sté Toulousaine | 50,00 |
| F-ino ALBAULT | 10,00 |
| Anonimulino (Angers) | 20,00 |
| S-ro BOYET | 100 00 |
| S-ro JULLIEN | 20,00 |
| S-ino LUCAS | 20,00 |
| S-ro COURTIS | 5,00 |
| F-ino LECLERCQ | 10,00 |
| S-ro GUILLAUME | 20,00 |
| S-ro FICHIERA | 20,00 |
| Anonimulino (Les Andelys) | 100,00 |
| S-ro DABEZIES | 40,00 |
| S-ro MOURGUES | 5,00 |
| S-ro BERNIER | 10,00 |
| F-ino SUCHAREAU | 10,00 |
| S-ro PION | 5,00 |
| Centre Culturel des Andelys | 50,00 |
| Société Espérantiste de Lyon | 100,00 |
| Grupanoj de Valenciennes | 40,00 |
| Grupo de Valenciennes | 100,00 |
| S-ro GAUDRY | 47,00 |

**(à suivre)**

# J. E. F. O.

**JUNULARA ESPERANTISTA FRANCA ORGANIZO**

**34, rue de Chabrol, Paris**

Francaj gejunuloj, kiuj lernis aŭ lernas Esperanton, estas multaj. Sed ne sufiĉas lerneti lingvon : oni devas ankaŭ ĝin utiligi inteligente kaj agrable. Nu, izolulo plej ofte ne havas la eblon tion fari. Do ni devas, ĉiuj francaj junaj esperantistoj, partopreni en la vivo de nia propra asocio, JEFO. Per tio ni estos ligitaj kun miloj da gejunuloj en la tuta mondo, ĉar JEFO estas unu el la dek naŭ landoj Sekcioj de TEJO.

JEFO proponas al ni multon : interesajn gazetojn (**Franca Esperantisto, Esperanto, Kontakto,...**), Semajnfinajn Renkontiĝojn, internaciajn junularajn aranĝojn (ekzemple en la fino de la nuna jaro en NURNBERG kaj en la fama pola montara loko ZAKOPANE, ambaŭ je eksterordinare malaltaj prezoj), ĉiujn servojn de UFE, UEA kaj TEJO, kaj tiel plu. Ni uzu kaj profitu ĉion tion ; ni ne hezitu peti sciigojn pli precizajn pri iu punkto.

Por ke JEFO kresku kaj plifortiĝu, do havigu al ni ĉiam pli multon, ni devas

UNUE interkonatiĝi : skribu por vin mem prezenti, sendu adresojn de aliaj junaj amikoj de Esperanto ;

DUE aliĝi : se vi ne estas jam membro de UFE, petu la tabelon de la kotizoj (speciala aranĝo kun STELO por la studentoj) ;

TRIE komune meti niajn ideojn : ankaŭ ĉi tion ĉiuj povas, kiuj scias skribi ;

KVARE komune meti niajn kapablojn kaj nian laboron ;

KVINE akurate informadi la centron en Parizo pri ĉio, kio koncernas « Esperanton kaj Junularon ».

Por laboremuloj estas laboro trispeca : en la funkciigo de JEFO mem, en la funkciigo de lokaj junularaj gruoj kaj de kursoj, en la organizado de unu semajnfina renkontiĝo. Atentu, ke ni ne povas diveni vian pretecon kunlabori, se vi mem ne vin anoncas.

UNESCO ESTAS FORTO. Ankaŭ juneco estas forto. Ni havas la duan ; ni havu ankaŭ la unuan, kaj ni estos fortaj.

Parizanoj.

---

De nun nia junulara paĝo en **Franca Esperantisto** aperos regule sub la redaktoro de Michel Caillot. Ĝi enhavos informojn pri la venontaj junularaj aranĝoj, prezenton de aliaj. Landaj Sekcioj de TEJO, ktp., sed ankaŭ rakontojn, ludojn, kantojn, desegnojn kaj ĉion, kion **vi** sendos interesan.

---

Pri JEFO skribu nur al la jena adreso :

Junulara Esperantista Franca Organizo
34, rue de Chabrol, PARIS X°

por ĉi tiu paĝo, al Michel Caillot,
La Vallée par BEURLAY (Charente-Maritime)

kaj por la semajnfinaj renkontiĝoj, al
Daniel Pérard
172, av. Pierre-Brossolette, TROYES (Aube)

---

Se vi ne iros al TOKIO kaj KIOTO...

... Tenu libera la unuan semajnon de aŭgusto 1965a por la Internacia Junularkonferenco pri « Komunikado » (AMSTERDAM, Anne Frankdomo, 31 jul. - 7 aŭg. 1965. Kotizo : 90, ned. guldenoj kun kompleta loĝado). Por gejunuloj de 18 ĝis 30 jaroj.

---

**Antaŭmendu ĉi-monate**

la baldaŭ aperontan libreton pri la Anne-Frank-fondaĵo : « De Posdomo al loĝdomo ».

Speciala prezo por **antaŭ**mendo : po 1,50 ned. guld.

Eble de via mendo dependas, ĉu la libreto efektive aperos ankaŭ en Esperanto.

---

Fariĝu donacanto de la Anne-Frankfondaĵo por regule ricevi informojn kaj invitojn pri la laboro de la fondaĵo.

Anne-Frank-Fondaĵo, Prinsengracht, 263, Amsterdam-C, Nederlando. Poŝtĉekkonto 11 19 64.

# Instituto por Esperanto en Komerco kaj industrio

Tiu ĉi Instituto, kiun ni nomu mallonge « EKI », oficiale stariĝis antaŭ proksimume unu jaro kaj jam disvastigis siajn kontaktojn tra la tuta mondo. Multaj petis informojn, kelkaj elstaraj Esperantistoj en diversaj landoj promesis aktive kunlabori kaj pluraj komercaj entreprenoj, unuopaj industriistoj k.t.p. pretis finance apogi la agadon de EKI.

La laborprogramo de EKI estas vasta, ampleksante diversajn kampojn de la ekonomia vivo. Sed unu el la plej urĝaj taskoj farendaj estas sendube la kompilo de moderna fakterminaro por komerco kaj industrio, kiu samtempe estu difina kaj poliglota. Pri ĝi okupas sin unuavice S-ro F. Munniksma, Amsterdam, tradukisto en granda nederlanda entrepreno, alte kvalifikita Esperantisto, kiun la Amsterdama tribunalo ĵurigis kiel tradukiston por Esperanto.

Tamen, EKI bezonas la moralan kaj financan apogon de multaj, tre multaj industrioj, komercaj entreprenoj kaj firmoj se ĝi volas sukcesplene kaj efike realigi sian programon. Jam haveblas cirkulerletero, konciza superrigardo de la EKI-laborprogramo kaj aliĝilo presitaj en la lingvoj angla, franca, germana, itala, hispana, nederlanda, sveda kaj esperanta. Pruviĝis, ke sendistinga distribuo de tiuj paperoj al kiu ajn firmo aŭ entrepreno ne multe efikas. Necesas, ke la adresoj kontaktotaj estus antaŭe informitaj pri EKI kaj ĝiaj celoj. Tial EKI bezonas la kunhelpon de ĉiuj Esperantistoj, precipe de la fakdelegitoj por komerco kaj industrio, sed cetere de ĉiuj kiuj, en iu ajn maniero, kapablas, inter siaj komercaj rilatoj, prepari la terenon, substrekante la grandegan problemon de la hodiaŭa lingvo-ĥaoso en internaciaj komercaj kontaktoj kaj atentigante pri la racia solvo, kiun prezentas la ĝenerala enkonduko de Esperanto.

Per tiu ĉi alvoko la Estraro de EKI denove petas ĉiujn doni sian plenan subtenon al la Instituto, informante la Sekretariaron pri adresoj de komercaj kaj industriaj entreprenoj, kiuj eble simpatias kun la celoj de EKI kaj pretas esti ĝiaj apogantoj.

Nur dank'al la aktiva kunhelpo de vi ĉiuj, la grava iniciato pri la fondo de EKI povos baldaŭ fariĝi unu el la plej okulfrapaj sukcesoj de Esperanto en la praktika vivo.

Nome de la Estraro de EKI,
E.L.M. Wensing,
Aalsterweg 217 ,
EINDHOVEN (Nederlando).

---

**« EL NEW DELHI, 25-9-1964**

**« Kortuŝita de la simpatio esprimninta al mi okaze de mia informa cirkulero rilate al mia 5-jara laborado en Hindujo, kaj pleje de la monhelpo sendita al mi de kelkaj personoj, mi plej varme dankas ĉiujn, asertante, ke tiuj amikaj elmontroj plivigligas mian deziron labori por nia movado.**

**« Samtempe mi informas, ke mia alineo pri U.E.A. tute ne signifas, ke tiu ĉi ne estas fidinda ; kaj mi tre bedaŭras, ke iuj miskomprenis mian diron rilate al ĝi.**

**« Tial mi petas la personojn, kiuj ŝatus montri tiun cirkuleron al amiko, plej unue forstreki tiun malklaran alineon, kaj mi kore dankas ilin pro tio.**

**Amikece via,**

**H. HAUDEBINE ».**

# Internacia esperanto-klubo automobilista

INICIATITA DUM LA U.K. EN HAGO
KAJ NUN JAM STARIGITA

La Komitato de U.E.A. dum la U.K. en Hago, komisiis tri el siaj membroj : S-rojn G. Grattapaglia M. Jaumotte kaj T. Sekelj iniciati la starigon de Klubo por Aŭtomobilistoj-Esperantistoj.

Kvankam ne jam okazis ĝis nun grandskala propaganda agado, jam dekoj de membroj (*posedantoj* aŭ regulaj *uzantoj* de aŭtomobilo) anoncis sin, tiel ke — ekde nun — *la Klubo do estas starigita* kun la jenaj celoj :

a) kunligi la esperantistojn-aŭtomobilistojn en komunan organizon ;

b) akceli per ĉiuj rimedoj la enkondukon de Esperanto en la aŭtomobilistajn mediojn, kaj en la komunikiĝadon inter diverslandaj aŭtomobilistoj kaj ties asocioj, same kiel ĉe la personaro de benzinpumpiloj, garaĝoj, aŭtomobilistaj asocioj kaj diversaj servoj apudvojaj.

c) eldonadi propainiciate, kaj iniciati ĉe aliaj instancoj, la eldonadon de vortaro kaj frazaroj por aŭtomobilistoj, gvidlibroj, instrukcioj kaj mapoj en Esperanto ;

d) eldonadi en Esperanto « *Aŭto-revuon* » kaj klopodi, ke ankaŭ naciaj kaj aliaj aŭtomobilistaj fakeldonajoj enhavu artikolojn, resumojn kaj paĝojn en Esperanto;

e) havigi al la membroj metalan insignon (similan al tiuj de la naciaj aŭtistaj aŭ turismaj Kluboj) kaj gluotan sur la vitrojn aŭ la kofron de la veturiloj;

f) organizi reton de delegitoj « *SOS-aŭto-servo* », kiuj helpos paneantajn membrojn, kiam ili havas difekton dum vojaĝo en fremda lando, kies lingvon ili ofte ne konas;

g) organizi raliojn, okaze de gravaj esperantistaj manifestacioj kaj krome ĉion, kio povas plivigligi kaj pliagrabligi la rilatojn inter la membroj.

La iniciatintoj, interkonsente kun la estraro de de UEA kaj kun pluraj jam aliĝintaj membroj, decidis fiksi la kotizon por la jaro 1965 (kaj *kiu inkluzivas la abonon al la revuo*) je *UNU usona dolaro* aŭ 14 steloj aŭ *50 belgaj frankoj*, kiujn la jam aliĝintaj membroj kaj tiuj, kiuj deziros aliĝi post legado de tiu alvoko, povas sendi al la poŝtĉeknumero *N° 1700.10* de Maur. Jaumotte, De Bruynlaan 44 Wilrijk/Antverpeno (Belg.), kie estas adresotaj ankaŭ pagiloj (poŝtmandatoj, bankĉekoj aŭ internaciaj respondkuponoj, kiuj valoras 6 B. Fr.).

La insigno, kiu estos pretigita antaŭ la proksima Novjaro, kostos *0,40 cendojn* de usona dolaro aŭ 5,60 stelojn aŭ *20 B. Frankojn*. SED : *aliĝpremie*, la membroj, kiuj pagos sian kotizon *antaŭ la 15a de decembro*, ricevos por tiu prezo *DU INSIGNOJN*, kiujn ili do povos glui sur la antaŭan kaj malantaŭan vitrojn (aŭ sur la kofron).

Alvoko estas samtempe direktita *al la teknikistoj*, kiuj deziros helpi, ĉu al la kunmeto de la vortareto, ĉu al la redakto de la revuo.

Maurice G.D. JAUMOTTE.
Estrarano de U.E.A.
De Bruynlaan 44
Wilrijk/Antverpeno (Belg.).

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corri- | 8,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés .. | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 16,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 14,00 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 4,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaù) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 3,60 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 5,70 |
| La Fundamento, broŝurita, p. de A. Albault | 13,50 |
| Ne kiel Meier ! (R. Schwartz) | 2,00 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien). | 33,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naùlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 15,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,30 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 28,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 18,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,50 |
| D-ro Zamenhof (M. Boulton), bindita | 19,00 |

### LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 3,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) . | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 6,00 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 6,00 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,20 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 16,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Najivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| La Dia Komedio (luksa eldono) | 60,00 |
| Edelvejso kaj la tri vagabondinoj | 4,00 |
| Fabloj de Andersen | 15,00 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita . | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aùtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Naùzo (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 20,00 |
| Sen Eliro (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 8,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 5,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| Kiel akvo de l'rivero (Schwartz), bind. 19, br. | 15,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |
| La Marvirineto, bindita | 10,50 |
| Bildlibro pri Bestoj, bindita | 11,50 |
| La Eta Princo, broŝurita — Trad. P. Delaire .. | 14,50 |

### FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 12,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### GEOGRAFIO — VOJAĈADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aùstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 3,00 |
| De Parizo al Pirenea Montaro | 1,80 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraù Gardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), bind. | 6,00 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques et 7 livrets | 84,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 11,50 |
| Melodioj (La Espero, Ceriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉ), ĉiu | 10,00 |

**Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10) . 10,00**

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris X[e]. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Impr'merie Coconnier.

Le Gérant : J. Guillaume.